1-15 SEPTEMBRO 1908 — Unu Numero : 15 CENTIMOJ (6 Spesdekoj) — KVARA JARO. — N° 38-39

# ★ ESPERANTO ★

OFICIALA ORGANO DE LA UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

ABONO

Unu Jaro . . . . Sm. **1.60** | Helpabono . . . . Sm. **4.**—

Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj aŭstr = 1,80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)



## GRAVA ALVOKO

*La kunveno de la Delegitoj de Universala Esperanto-Asocio, en Dresdeno, decidis, ke, por permesi al nia Asocio plivastigi ĝian kampon de agado kaj iom-post-iom realigi la gravan laboron, kiun ĝi trudis al si, estos de nun malfermata* **konstanta monoferado**. *En la daŭro de tri monatoj, sen ia kapitalo, U. E. A. sukcesis organiziĝi ; ĝi jam posedas pli ol 200 Delegitoj, 100 Vicdelegitoj, 100 Subdelegitoj kaj 1400 Membroj, kaj la rezultatoj, kiujn ĝi atingis pri la starigo de diversaj peresperantaj servoj estas tute kontentigaj. Sed la plivastiĝo de nia Asocio — kiu sendube grandege kreskos dum la venonta jaro — havas kiel konsekvencon plivastiĝon de niaj elspezoj, kiun, ĝis la plena funkciado de niaj servoj, ne povos sufiĉe kompensi la nealtaj kotizaĵoj de niaj membroj, tiom pli, ke en la periodo de kreiĝado ekzistas neeviteblaj necesegaj elspezoj, kiuj okazas ĝuste tiam, kiam nia Asocio estas ankoraŭ sen monkapitalo. Por ke ni povu iri rekte antaŭen kaj efektivigi nian laboron, estas do absolute necese, ke nia Asocio posedu sufiĉan kapitalon, sen kiu ĝia agado estos malhelpata ĉe ĉiu paŝo. Car por la populareco kaj multmembreco de nia Asocio, la kunveno de la Delegitoj decidis, ke la kotizaĵo restu nealta, ĉar aliparte la servoj, kiujn nun starigas kaj starigos U. E. A. memkompreneble ne povas tuj liveri profitojn, nia Komitato decidis do sin turni al la bonvola kunhelpado de ĉiuj samideanoj, malfermante* konstantan monoferon. *Ĉiuj personoj — individuoj aŭ grupoj — kiuj donacos almenaŭ 10 Spesmilojn estos, laŭ la regularo,* bonfarantaj membroj *de nia Asocio ; plie, ĉiuj donacoj, eĉ malgravaj, kiuj ne atingas la supre diritan sumon estos danke akceptataj.*

*Ni vokas al la samideaneco de ĉiuj niaj amikoj, ke ili bonvolu laŭpove helpi nian entreprenon, pri kiu D-ro Zamenhof diris ke « ĝi estas la plej grava institucio de Esperantismo ». Gis nun, okazis ofte, ke Esperantistoj tro dise laboris, ke de ilia laboro kaj mono ne rezultis la dezirindaj konsekvencoj, pro manko de internacia, forta ligilo. Nuntempe, ekzistas tiu komuna fundamento internacia, sur kiu ĉiuj Esperantistoj povos harmonie labori, kun la certeco, ke ilia penado estos ne vana klopodado, sed grava kunhelpo por la triumfigo de nia afero. Vasta estas nia kampo de agado, sennombraj estas la fakoj en kiuj U. E. A. tuj de nun povos fari ŝatindajn servojn, preciza estas nia plano de laboro, plej kuraĝigaj estas la jam ricevitaj rezultatoj, sed antaŭ ĉio, plej necese estas, ke nia Asocio havu klaran financan situacion, plej necese, ke ĝi havu rimedojn sufiĉajn por efike agadi. Se nur du centoj da samideanoj aŭ grupoj konsentus fariĝi bonfarantaj membroj de U. E. A., nia situacio estus multe plibonigita kaj ni kun plena certeco povos iri antaŭen, laŭ la vojo, kiun ni elektis.*

*Ni malkaŝe montris nian situacion. Niaj samideanoj, kiuj komprenis niajn vortojn, respondu mem, kaj pruvu, ke tiu solidareco esperantista — por kies plifortikigo ni volas labori — estas pli ol simpla vorto.*

Por la Komitato de U. E. A.,
H. BOLINGBROKE MUDIE, prezidanto.
H. HODLER, vicprezidanto.

*Ĉiujn donacojn, aliĝojn kiel bonfarantaj membroj, k. t. p., oni sendu al niaj lokaj Delegitoj aŭ al :* **Esperantio**, 8, rue Bovy-Lysberg, **Genève** (Svisujo). *La nomoj de la donacintaj personoj aŭ grupoj estos publikigataj en nia gazeto.*

## PAROLO de Dro L. L. ZAMENHOF

ĉe la malfermo de la

### KVARA ESPERANTISTA KONGRESO

Sinjorinoj kaj Sinjoroj !

Aperante antaŭ vi kiel tradicia malfermanto de la esperantistaj kongresoj, mi permesas al mi antaŭ ĉio esprimi la plej respektan dankon de nia kongreso al Lia Regnestra Moŝto la Reĝo Frederiko Aŭgusto de Saksujo por la granda honoro, kiun li faris al ni, prenante sur sin la altan protektadon de nia kvara kongreso. Mi esprimas ankaŭ profundan dankon de nia kongreso al Sinjoroj la Ministroj kaj aliaj eminentaj personoj, kiuj bonvolis eniri en la honoran prezidantaron kaj honoran komitaton de nia kongreso. Mi esprimas ankaŭ nian dankon al tiuj landoj, kiuj sendis al nia kongreso oficialajn delegitojn, kaj al la alilandaj konsuloj, kiuj honoris nin per la reprezentado de iliaj landoj ĉe nia malferma kunveno. Nun la unuan fojon nia kongreso aperas sub la oficiala sankcio de regnestro kaj registaro ; mi estas certa, ke la Esperantistoj alte taksos la gravecon de tiu ĉi fakto ; mi esperas, ke ĝi estos komenco de tiu nova tempo, kiam nia ideo ĉesos esti penado de nur privataj personoj, sed ĝi fariĝos grava tasko por la registaroj de la mondo.

En la nomo de la kvara tutmonda esperantista kongreso mi salutas la landon germanan, kies gastoj ni ĉiuj estas en la nuna momento ; precipe mi salutas la Saksan reĝlandon, kiu al ni, filoj de la plej diversaj landoj kaj gentoj, aranĝis belan akcepton en sia centro mem, en sia fama kultura ĉefurbo. Mi esprimas nian koran dankon al la Saksa registaro kaj precipe al la Dresdena urbestraro por la tuta helpo, kiun ili donis al nia kongreso, kaj por la saluto, kiun ili aŭdigis al ni per siaj estimataj reprezentantoj.

Fine mi esprimas, certe en la nomo de ĉiuj esperantistoj, nian koran kamaradan dankon al niaj germanaj samideanoj kaj antaŭ ĉio al nia Kvaro por la Kvara, kiuj prenis sur sin la malfacilan taskon aranĝi nian kongreson ĝuste en ĉi tiu jaro, kiam ekzistis tiom da malhelpoj, kaj kiuj, dank'al sia granda sindoneco, aranĝis ĉion en la plej bona maniero kaj enskribis per tio tre gravan paĝon en la historion de nia afero.

Germanujo, la lando de la filozofoj kaj poetoj, kiu estis iam la centro de la humanistoj, havas por nia ideo specialan signifon per tio, ke en ĉi tiu lando, dank'al la neforgesebla granda merito de la pastro Johann Martin Schleyer, nia ideo ricevis sian unuan disvolviĝon kaj la unuan potenca puŝon antaŭen. Germanujo sekve estas la lulilo de la ideo de lingvo internacia. Ni, speciale esperantistoj, havis ankaŭ en Germanujo niajn unuajn plej gravajn batalantojn, Einstein kaj Trompeter. Estas vero, ke poste en la daŭro de tre longa tempo nia ideo en ĉi tiu lando ŝajnis tute mortinta ; sed en la lastaj jaroj ĝi tie ĉi denove vigle reviviĝis, kaj ni havas plenan esperon, ke post nia nuna kongreso, kiam la Germanoj ekkonos nin pli proksime kaj konvinkiĝos per siaj propraj okuloj kaj oreloj, ke ni ne estas iaj teoriaj fantaziuloj, nia afero ĉi tie ekfloros ne malpli potence, ol en la aliaj grandaj landoj, kaj en la komuna ĉiuhoma afero Germanujo baldaŭ okupos unu el la plej honoraj lokoj.

Karaj Samideanoj !

En la daŭro de la lasta jaro en nia afero okazis faktoj, kiuj maltrankviligis por iom da tempo la mondon esperantistan. Nun ĉio jam denove trankviliĝis. Nia arbo, pri kiu mi parolis en Kembriĝo, en la pasinta jaro plej konvinke montris sian tutan fortecon kaj sanecon, ĉar malgraŭ la tute ne atenditaj atakoj, kiuj en la daŭro de kelka tempo kaŭzis grandan krakadon, la arbo konservis sian tutan potencon kaj perdis nur tre malmultajn foliojn. Malgraŭ la kaŝite preparitaj kaj rapide plenumitaj atakoj, kiuj ne donis al niaj soldatoj la povon dece orientiĝi kaj interkomunikiĝi, ĉiu el ili sur sia aparta loko staris forte kontraŭ ĉiuj forlogoj, kaj nur tre malmultaj lasis sin kapti per lertaj vortoj. Super la okazintaj faktoj ni povus sekve silenle transiri al la tagordo. Tamen, por gardi niajn venontajn batalantojn kontraŭ similaj surprizoj, mi permesos al mi diri kelke da vortoj pri tiu temo. El la tempo pasinta ni ĉerpu instruon por la tempo venonta.

Pasis jam ĝuste tridek jaroj de la momento, kiam Esperanto unue aperis antaŭ malgranda rondo da amikoj ; pasis jam dudek unu jaroj de la momento, kiam Esperanto unue aperis publike antaŭ la mondo. Tre malforta ĝi estis en la unua tempo ; ĉiu plej malgranda bloveto povis ĝin renversi kaj mortigi ; ĉiu bona vorto de la plej sensignifa homo aŭ de la plej senvalora gazeto donis al niaj pioniroj esperon kaj kuraĝon ; ĉiu atakanta vorto kaŭzis al ili doloron. Kiam antaŭ dudek jaroj la Amerika Filozofia Societo volis preni la aferon de lingvo internacia en siajn manojn, tio estis por la aŭtoro de Esperanto tiel altega kaj neatingebla aŭtoritato, ke li, kiu tiam havis ankoraŭ la rajton disponi pri Esperanto, tuj decidis fordoni ĉion al la manoj de tiu societo, ĉar, estante tute sensperta, li tiam ankoraŭ ne sciis, kia grandega diferenco estas inter teorio kaj pratiko.

Feliĉe la entrepreno de la Amerika societo ne sukcesis. Mi uzas la vorton « felice », ĉar efektive nun, kiam mi estas pli sperta, por mi estas afero tute senduba, ke, se la entrepreno de tiuj teoriistoj daŭrus iom pli longe, la tuta ideo de lingvo internacia jam de longe estus tute senkreditigita kaj enterigita por ĉiam, aŭ almenaŭ por tre longa, longa tempo.

Niaj pioniroj laboris, kaj la afero kreskis. Baldaŭ ni ĉiam pli kaj pli akiradis la konvinkon, ke de teoriistoj ni devas atendi tre malmulte da bono por nia afero ; ke ĉiuj laŭdoj kaj mallaŭdoj de flankaj personoj havas por ni nur tre malgrandan signifon ; ke ni devas fidi sur niajn proprajn fortojn, nian propran paciencon kaj konstantecon ; ke la mondo venos al ni nur tiam, kiam ĝi vidos en ni potencon, kiam ĝi vidos, ke ni ne palpas en mallumo, ke ni ne perdas hodiaŭ, kion ni akiris hieraŭ, ke nia vojo estas klara kaj rekta kaj ni de ĝi neniam deflankiĝas.

Sed ne per unu fojo ni venis al tiu fortika konvinko. En la unua tempo, vidante, ke nia afero progresas tre malrapide kaj malfacile, multaj esperantistoj pensis, ke la kaŭzo de tio kuŝas en nia lingvo mem, ke, se ni nur ŝanĝos tiun aŭ alian detalon, la mondo tuj venos al ni en granda amaso. Tiam venis la periodo de la granda postulado de reformoj. Feliĉe tiu periodo daŭris ne longe. La esperantistoj baldaŭ konvinkiĝis, ke veni al ia komuna, ĉiujn kontentiganta kaj silentiganta interkonsento pri la esenco de la reformoj estas tute ne eble, kaj la ekstera mondo, kiun la reformuloj celis, restis absolute indiferenta koncerne tion, ĉu tiu aŭ alia detalo havas en nia lingvo tian formon aŭ alian ; oni baldaŭ konvinkiĝis, ke per reformado ni nur perdos ĉion ĝis nun akiritan kaj gajnos absolute nenion. Tiam la esperantistoj firme decidis ne paroli plu pri iaj reformoj. Kelkaj tre malmultaj malkontentuloj forlasis Esperanton kaj kune kun kelkaj ne-esperantistoj, kiuj rigardis sin kiel plej kompetentajn en la afero de lingvo internacia, komencis inter si ĝis nun ankoraŭ ne finiĝintan kaj neniam finiĝontan diskutadon pri diversaj lingvaj detaloj, kaj ili staras nun sur tiu sama punkto, sur kiu ili staris antaŭ dekkvar jaroj. La tuta cetera esperantistaro en plena harmonio forte grupiĝis ĉirkaŭ sia konstanta standardo kaj faris de tiu tempo grandan, grandegan marŝon antaŭen.

De la tempo, kiam la esperantistoj ĉesis paroli pri reformoj, komenciĝis por Esperanto periodo ĉiam pli kaj pli brilanta. En la komenco, sub la premo de tre grandaj malhelpoj eksteraj, ni progresadis tre malrapide kaj malfacile. Sed sub la influo de nia plena interna harmonio kaj nia nedekliniĝa irado rekte antaŭen, niaj fortoj ĉiam pli kaj pli kreskis. Nun ni atingis tian potencon, pri kiuj multaj el ni antaŭ dek jaroj ne kuraĝis eĉ revi, kaj se ni marŝos en tia sama harmonio kiel ĝis nun, nenia forto en la mondo povas haltigi nian iradon, kaj ni plene atingos nian celon ; ĉiuhore kreskas la nombro de niaj partianoj, ĉiutage pligrandiĝas la nombro de niaj grupoj. Nia literaturo kreskas tiel senhalte kaj rapide, ke multaj malgrandaj nacioj jam nun povas nin envii. La praktika uzado de nia lingvo fariĝas ĉiam pli kaj pli granda. Dum ankoraŭ ne longe oni tute silentis pri ni kaj poste oni nin mokis, nun oni jam ĉie nin respektas, kiel grandan potencon. Eĉ tiuj niaj principaj kontraŭuloj, kiuj antaŭ ne longe malŝate rigardis nin de alte, nun jam krias alarmon.

Nia lingvo mem konstante pli riĉiĝas kaj elastiĝas. Iom post iom konstante aperas novaj vortoj kaj formoj, unuj fortikiĝas, aliaj ĉesas esti uzataj. Ĉio fariĝas kviete, senskue kaj eĉ nerimarkeble. Nenie montriĝas ia diferenciĝado de nia lingvo laŭ la diversaj landoj, kaj ju pli spertaj fariĝas la aŭtoroj, despli similiĝas reciproke ilia uzado de nia lingvo, malgraŭ la granda malproksimeco de iliaj lokoj de loĝado. Nenie rompiĝas aŭ difektiĝas la kontinueco inter la lingvo malnova kaj nova, kaj malgraŭ la fakto, ke nia lingvo forte disvolviĝas, ĉiu nova esperantisto legas la verkojn de antaŭ dudek jaroj kun tia sama perfekta facileco, kiel esperantisto tiutempa, kaj li eĉ ne rimarkas, ke tiuj verkoj estas skribitaj ne nun, sed en la unua, suĉinfana periodo de nia lingvo.

Nia afero regule kaj trankvile iras antaŭen. La tempo de la teoriaj juĝoj kaj de kliniĝado antaŭ ŝajnaj aŭtoritatoj jam de longe pasis. Se iu nun esprimas sian opinion aŭ konsilon pri Esperanto, oni jam ne demandas, ĉu li estas homo grandfama aŭ ne, — oni nur demandas, ĉu liaj konsiloj estas konformaj al la naturaj bezonoj kaj la natura irado de nia lingvo aŭ ne. Se iu glornoma persono en plena nesciado de nia afero esprimas iun el tiuj sensencaĵoj, kiujn ni jam tiel ofte aŭdis, ekzemple, ke arta lingvo estas utopio, ke la esperantistoj sin reciproke ne komprenas, k. t. p., aŭ se li, forgesante la nunan staton de Esperanto kaj la teruran ekzemplon de la Volapüka akademio, postulas, ke ni rebaku la tutan lingvon laŭ lia teoria recepto, — tiam ni, esperantistoj, indiferente ĉion aŭskultas kaj trankvile iras nian vojon.

Ne por fieri pri nia forteco mi diras ĉion ĉi tion : neniu el ni havas la rajton esti fiera, ĉar nia forteco ne estas la merito de iu el ni aparte, sed ĝi estas nur la rezultato de multejara pacienca laborado de *multo* da personoj. Mi volis nur atentigi vin pri tio, ke en nia afero ĉio povas esti atingita nur per harmonio kaj konstanteco. Se nin ne gvidus fera konstanteco, nia lingvo jam de longe ne ekzistus, kaj la vortoj « lingvo internacia » estus la plej granda mokataĵo por la mondo.

La longa kaj malfacila batalado nin hardis, kaj ne sole la voĉoj de apartaj personoj, sed eĉ la premo de ia granda potenco nun jam ne povus deklini la esperantistaron de ĝia klara kaj rekta vojo. Kia do estas la kaŭzo, ke en la pasinta jaro en nia tendaro subite naskiĝis tia granda vento, kiu en la daŭro de momento minacis alporti al ni tiom da malbono? Kiu estis tiu ŝajne grandega forto, kiu por momento enportis tian neatenditan konfuzon en nion mezon? Nun, kiam ĉio jam klariĝis, ni povas konfesi, ke ĝi ne estis ia eksterordinare granda potenco, ĝi estis simple kelkaj malmultaj personoj; sed la danĝereco de ilia atako konsistis en tio, ke tiu atako ne venis malkaŝe el ekstere, sed ĝi estis kaŝite preparita kaj tute neatendite aranĝita *interne* de nia tendaro.

Ĝi estas historio, pri kiu mi ne volas paroli. Nun mi volas nur diri jenon: ni ĉiuj estas reprezentantoj de la ideo de lingvo internacia, ni faru kun ĝi, kion ni volas, sed ni agu honeste kaj ni memoru, ke pri niaj agoj la estonteco severe nin juĝos. Memoru, ke Esperanto estas nenies proprajo, ke la esperantistoj havas plenan rajton fari kun ĝi ĉion, kion ili volas, se ili nur faros ĝin singarde, lojale kaj interkonsente. Nur por gardi nian lingvon kontraŭ anarĥio de la flanko de apartaj personoj, nia lingvo havas sian plej senpartie elektitan kaj plej kompetentaj personoj konsistantan kaj konsistontan Lingvan Komitaton, kiu, dependante de neniu mastro, havas plenan rajton kaj plenan povon esplori kaj prezenti al la sankcio de la esperantistaro ĉion, kion ĝi volos. La Bulonja Deklaracio malpermesas nur, ke apartaj personoj la lingvon *arbitre*, ĝi estas kreita nur por gardi la ekstreme *kontinuecon* en nia lingvo. Se iu el vi trovas, ke ni devas fari tion aŭ alian, prezentu vian deziron al la Lingva Komitato. Se tiu Komitato ŝajnos al vi tro konservativa, tiam memoru, ke ĝi ekzistas ne por la plenumado de diversaj personaj kapricoj, sed por la gardado de la interesoj de la tuta esperantistaro; ke pli bone estas, ke la Komitato faru tro malmulte, ol ke ĝi facilanime faru ian paŝon, kiu povas malutili al nia tuta afero; ĉar vi ĉiuj konfesas ke la esenco de nia lingvo estas ĝusta kaj oni povas disputi nur pri detaloj, tial ĉio bona kaj ĉio efektive necesa povas facile esti farata en ĝi per vojo lojala, en harmonio kaj paco.

La personoj, kiuj volas altrudi al la tuta esperantistaro siajn dezirojn, diras ordinare, ke ili havas la plej bonajn ideojn, kiujn la plimulto da esperantistoj certe aprobus, sed iaj ĉefoj ne volas ilin aŭskulti kaj ne permesas al ili prezenti siajn ideojn por esplorado. Tio estas ne vera. Vi scias, ke laŭ la nova ordo, kiu per komuna voĉdonado akceptis por si nia Lingva Komitato, ĉiu homo ne sole havas la rajton prezenti al la Komitato siajn proponojn, sed se la propono havas eĉ nur plej malgrandan ŝajnon de seriozeco, se inter la cent membroj de la Komitato la propono akiris por si la aprobon de *kvin* personoj, tio jam sufiĉas, ke la Lingva Komitato estu *devigata* esplori tiun proponon. Vi vidas sekve, ke neniu povas plendi, ke oni lin ne aŭskultas aŭ ke iaj ĉefoj prezentas al voĉdonado nur tion, kion *ili* deziras.

Se iu diras al vi, ke oni devas ĉion krude rompi, se oni per ĉiuj fortoj kaj per ĉiuj eblaj rimedoj penas malkontentigi vin; se de la vojo de severa unueco, de tiu sola vojo, kiu povas konduki nin al nia celo, oni penas forlogi vin, — tiam gardu vin! tiam sciu, ke tio kondukas al malordigo de ĉio, kion multaj miloj da personoj atingis por la granda ĉiuhoma ideo por multejara pacienca laborado.

Mi finis. Pardonu al mi la malagrablan temon, kiun mi elektis; ĝi estas la unua kaj espereble ankaŭ la lasta fojo en la historio de niaj kongresoj. Kaj nun ni ĉion forgesu; ni komencu la grandan feston, por kiu ni ĉiuj kunvenis en la diversaj landoj de la mondo; ni ĝoje pasigu nian grandan ĉiujaran semajnon de la pure homara festo. Tio memoru pri tio, ke niaj kongresoj estas ekzercanta kaj edukanta antaŭparolo por la historio de la estonta interfratigita homaro. Por ni estas grava ne iaj bagatelaj detalajoj de nia lingvo, sed ĝia esenco, ĝia ideo kaj celo, tial ni antaŭ ĉio devas zorgi pri ĝia seninterrompa *vivado*, pri ĝia senhalta *kreskado*. Granda estas la diferenco inter homo-infano kaj homo-viro; granda eble estos la diferenco inter la nuna Esperanto kaj la evoluciinta Esperanto de post multaj jarcentoj; sed dank' al al nia diligenta gardado, la lingvo fortike vivos, malgraŭ ĉiuj atencoj, ĝia spirito fortiĝos, ĝia celo estos atingita, kaj niaj nepoj benos nian paciencon.

# TRA LA MONDO

## AŬSTRIO

Praha, Julio 1908.

Pri parlamento oni povas nenion gravan diri. La 17an julio ĝi disiris por libertempo; rezultato de la senfinaj paroladoj ne estas granda. Jen ĝi estas: akcepto de budĝeto, kiu okazis parlamente unuan fojon post multaj jaroj, dum kiuj la budĝeto estis ĉiam nur « provizora » akceptata nur post ĝia uzo; la dua positiva rezultato estas leĝo, laŭ kiu ŝtato aĉetis ĉiujn gravajn privatajn fervojojn, kiuj ĝis nun ekzistis krom ŝtataj. Tiu ĉi leĝo havas tre gravan ekonomian signifon.

⁂ Plej grava afero kultura okazis ekster parlamento. La 12an julion kunvenis Prahan 60 reprezentantoj de ĉiuj slavaj nacioj por preparaj konsiloj pri tutslava kongreso, kiun oni intencas kunvoki post kelkaj jaroj Rusujon. La prepara kunveno diskutis pri metodoj ebligantaj realigon de ideoj de novoslavismo. Fundamentaj devizoj de la nova celado en slavisma movado estas la samaj kiaj estis fiksitaj en unua tutslava kongreso, kiu estis en Praha 1848. Sesdek jarojn antaŭ daŭris ol oni povis komenci realigi programon ĝenerale tiel simplan: kultura kaj ekonomia alproksimiĝo de Slavoj sur fundamento de egaleco kaj libereco. Baldaŭ post la unua kongreso, kiu disiris pro revolucio en Aŭstrio, panslavistoj en Rusujo komencis esti reprezentantoj de reakcio. Panslavismo estis panrusismo. Pretekstante slavismon rusaj absolutistoj volis rusigi kaj subpremi ĉiujn slavajn naciojn. Sed nun la malbonaj finoj de la rusa absolutismo kaŭzis la ŝanĝon. Oni ankaŭ en Rusujo eksentis, ke interkonsento de Slavoj povas realiĝi nur sur fundamento de libereco kaj egalrajteco de ĉiu nacio.

La realigon de la prepara kunveno en Praha efektivigis Dro Kramar, prezidanto de ĉeĥa « Nacia Klubo » en aŭstria parlamento, kiu kun du aliaj deputitoj aŭstriaj J. Hribar (Slovinco) kaj Dro Hlibovickyj (Polo) veturis komence de junio Peterburgon kaj Warszawan. Ili estis tre solene akceptitaj de reprezentantoj de liberalaj rusaj kaj polaj partioj. En Peterburg en kunveno de « Klub obĉestvennych dejatelej » (klubo de publikaj faktoroj) proklamis Dro Kramar celojn de novoslavismo en jena parolado: « Slavoj devas diri al la tuta mondo, kion ili volas. Ili neniun minacas, sed per ĉiuj fortoj ili defendos sian rajton je ekzisto. Celante kreadi sian propran kulturon, Slavoj tute ne serĉos novajn ŝtatajn formojn, sed restos fidelaj ŝtatanoj de ŝtatoj, kie ili loĝas. Aŭstrio ne devas esti germana, sed ĝi devas aparteni al tiuj, kiuj pro ĝi plimulton faris al Germanoj. Slavoj deziras nur justecon kaj egalrajtecon kaj ili ne devas timi diri tion publike. Slavoj loĝantaj ekster Rusujo sentas pli bone ol Rusoj la danĝeron, kiu ilin ĉirkaŭas, kiu batalas tial per ĉiuj fortoj kontraŭ fremda kulturo. Ni ĉeĥoj montris, ke ankaŭ malgranda nacio sen fremda helpo, kiun ni ne serĉas, povas konservi sian naciecon uzante kulturajn fortojn. Batalante kontraŭ germanaro, kiu minacas starigi sin en loko de slavaro, ni batalas por ĉiuj Slavoj. Ni ne petas vin je helpo en tiu batalo, ĉar estus nekorekte laŭ internaciaj rilatoj. Se ni volas slavan interkonsenton, ni faras tion por defendi la slavan kulturon, kiun plej multe malhelpas slavaj malkonsentoj, kiujn instigas niaj malamikoj. Hieraŭ tago nin tre ĝojigis. Ni ĉiuj eksentis, ke nia slava epoko komencas. Hieraŭa tago estas memorinda en historio de slavismo, deklaro de S-ro Dmowski, ke Poloj sen ia kondiĉo alpaŝas al komuna laboro pri slava interkonsento, ne estas parolo, sed logika rezultato laŭ faktoj de internacia politiko dum la lasta jardeko. Poloj komprenis, ke ilia politika devizo devas esti serĉado de fortoj inter Slavoj kaj de tiuj, kiuj estas ruslandaj ŝtatanoj, en Rusujo. Kiam Poloj kaj Rusoj komprenis, ke Rusujo devas esti forta, ne estos malfacile trovi rimedojn ke pola libereco kaj nacieco plifirmiĝu. Ni volas, ke ĉiuj slavoj donu al si manojn en batalo kontraŭ pangermanismo. Nenion ni volas pli ol tion, ke niaj posedajoj apartenu al ni. »

En Peterburg oni tiam decidis kunvoki en Praha preparan kunvenon de reprezentantoj de ĉiuj slavaj nacioj, ke ili pritraktu precipe la aranĝon de tutslava kongreso kaj ekspozicio. La kunveno efektiviĝis kaj partoprenis en ĝi 60 delegitoj de ĉiuj slavaj nacioj escepte rutenoj, kiuj rifuzis veni; ĝi daŭris 12-19an julion kaj decidis fondi slavan bankon kaj aranĝi tutslavan ekspozicion kaj kongreson en Moskwo en jaro 1911 aŭ 1915. Do rezultatoj estas tute realaj. La agado de la kunveno estis entuziasma manifesto de volo de ĉiuj delegitoj kunlabori kun la aliaj.

(*Daŭrigota*). S. K.

## USONO [1]

La morgaŭan tagon, pluvas, tial ni vin donos al elvidado de la urba biblioteko, esceptinte la nacian bibliotekon ĉe Washington, la plej granda kolekto da libroj en Usono; ĉi tiu konstruajo estis finita en la 1895a po kosto proksimume kvin milionojn da spesmiloj; ĝi estas bele ornamigata per artajoj kaj enhavas 700,000 librojn, krom manuskriptoj kaj dokumentoj antikvaj, inter kiuj estas multe da skribajoj subskribitaj de tutmondaj famuloj. Posttagmeze ni transiros la straton kaj pasigos kelkajn horojn en la muzeo de belartoj, kie sin trovas granda kaj multevalora kolekto da artajoj, por kiuj nune estas konstruata, en alia parto de la urbo, pli taŭga kaj granda konstruajo. Elirante, ni, antaŭ ni vidante, eniros la belan « Trinity Preĝejo », kiu, kun la du suprediritaj konstruajoj plenigas tri flankojn de la plej bela skvaro de la urbo.

Verŝajne hodiaŭ estos varmege, tial ni forveturos sur la Oceano. Je la deka ni enŝipiĝas en vaporŝipon, kaj dum tri horoj vojaĝas laŭ la ĉarma « sud-marbordo » distancon da kvindek mejloj al la urbeto Plymouth, kie en la 1620a elŝipiĝis la « Pilgrimaj Patroj ». Al historiamantoj ĉi tiu loko estas kvazaŭa Meko, kaj dum tri horoj ni rapide kuras de loko al loko, ekvidante la memorajojn de la plej fruaj loĝantoj de Nova Anglujo. Revenante al la urbo, post lunĉeto, ni transiras per pramo al East Boston, kie atendas nin vagonaro da verŝajne duonkreskintaj vagonoj, kiu en la spaco de dudek minutoj nin portas al la plej granda publika banejo de la urbo, « Rivere Beack ». Tie ĉi, tra distanco da du mejloj etendas sabloplena marbordo; ĉe unu flanko la Oceano, ĉe la alia, neinterrompita vico da hoteloj, butikoj, budoj, tendoj, banejoj, teatroj kaj diversspecaj amuzlokoj, preskaŭ tiel konfuze miksitaj kiel mia nomado de ili. Tie ĉi oni povas esti amuzata aŭ timegata laŭdezire; kvazaŭa ciganino malkovras por ni la estonton; en la spaco da kelkaj minutoj viro faris nian portreton sur butonon; ĉiam da kolportistoj (angle « fakirs ») vendadas ĉiupripenseblajn objektojn, kompreneble enhavantan la ĉieestantan poŝtkarton. Sur la larĝa trotuaro tien kaj reen promenadas amaso da ĉiunacianoj, kaj escepte ke oni ĉie aŭdas la anglan lingvon, oni povus longtempe diveni pri kiu angulo de la mondo oni ĉeestis. Antaŭ ol reiri al la urbo, ni eniros unu el la hoteloj aŭ restoracioj kaj ĝuos la faman fiŝposttagmanĝon.

Nun venas dimanĉo, kaj kia ajn via religia kredo, ni trovos, ie en la urbo, preĝejon kie vi povos adori laŭ via speciala fido, kaj vi kredeble povos aŭdi paroladon en via propra lingvo. Se vi ne havas ian ŝaton, mi kredeble vin kondukos al unu el la « Episcopal'aj » preĝejoj (la usona branĉo de la Angla Eklezio), kie ni aŭskultos la diservon, kantatan de bonega knabĥoraro. Ni estas farintaj nian religian devon, tial, posttagmezon ni iros per tramo al la urbo Newton, distanco da ok mejloj, kaj ĉe unu el la boatejoj laŭ la bela rivero Charles kiu ĉirkaŭfluas tiun urbon, ni luos kanoton, kaj pasigos kelkajn horojn padelante tien kaj reen inter la miloj da kanotistoj, — ĉar la rivero estas vera ludkampo al la loĝantoj de ĝia randaj urboj, kaj ofte oni povas vidi tie ĉi amaso de boatoj preskaŭ sekpiede transiri de bordo al bordo. Tiu ĉi ŝipetaro faras ĉarman bildon. Kuŝante sur amaso da helekoloraj kusenoj, la junularo mallaborema flosas, aŭ padelas sur la suprajo de la akvo; el kelkaj el la kanotoj oni povas aŭdi la sonon de fonografoj; el distanco aŭdiĝas la harmonio de muzikistaro, kaj ĉie estos ĝojo kaj gajeco. Sed, vesperiĝas, kaj antaŭ ol atingas nin la mallumo, mi dezirus montri al vi unu el la multaj amuzparkoj kiuj sin trovas en diversaj lokoj ĉirkaŭ Boston. La Norumbega Parko, proksime al la boatejo ĉe kiu ni enŝipiĝis, estas eble la plej bela el la parkoj nomitaj, kaj donos al vi bonan ideon de ĉiuj. Sur la riverbordo, meze de kverka arbareto, la natura beleco estas plibonigata de la aldono de vojetoj, laŭ kies bordoj estas bedoj da folio- kaj florkreskajoj; ĉe la riverflanko sin trovas bestejo, kie oni povas vidi tre bonan kolekton de la sovaĝaj bestoj de Ameriko, eble la plej interesanta el kiuj estas la kolonio de kastoroj, por kiuj oni estas farinta lageton, en kiu ili povas preskaŭ laŭnature loĝi kaj labori. Cirkaŭ ĉi tiu kaĝo estas ĉiam trovebla amaso, kaj tiel malsovaĝiĝis la bestetoj ke ili alproksimiĝas al la bariloj, kaj bleke petas nuksojn, k.t.p. Tra la parko estas diversaj amuzajoj, la ĉefa el kiuj estas la teatro kie, ĉiuvespere dum la somero (esceptinte dimanĉon) estas ia teatrajo, precipe vodevila. Post vizito al la bonega restoracio kaj post tagmanĝo, ni revenos al la teatro, kie estas tiel nomata sankta koncerto, kredeble nomata sankta, ĉar ĝi okazas dimanĉe, ĉar la muziko estas mirinde ĉiutage! Ĉiutage milojn da personoj venas al tiu parko, kaj ĉe nacia libertago en la daŭro de la tago ofte ĉeestas 25,000 da personoj. Tiel bonega estas la sistemo de elektraj tramoj, ke sen malkomforto, aŭ konfuzo, la amaso povas veni kaj iri.

Lundon ni vizitas la urbetojn Concord kaj Lexington, kie komencis nia revolucia milito, la ambaŭ lokoj riĉaj per objektoj de historia intereso. Concord estas ankaŭ fama kiel la hejmo de niaj literaturistoj, Emerson, Thoreau, Alcott, k. a. Tie ĉi ankaŭ mallonge loĝis Hawthorne.

Mardon, ni pasigos per vizito al la grandaj magazenoj, fabrikejoj, kaj vendejoj de la urbo kaj precipe la fiŝvendejoj laŭ la akvoflanko, kie ni vidas la aregon da ŝipetoj de la fiŝkaptistoj, kiuj estas sencese vojaĝantaj tien kaj reen al la « Grand Banks » (grandaj rifoj) laŭ la bordoj de Newfoundland.

Boston estas grava centro de la fiŝindustrio, sed ne tiel grava kiel Gloucester kien ni morgaŭ iros, vojaĝante per vaporŝipo plenigata de la ĉiam, kaj ĉieestanta turisto. La vojaĝo okupos ĉirkaŭe du horojn, kaj post elvido de la plej okupa abelaro da fiŝkaptistoj en Usono, kaj la ĉarma antikva urbo, ni per tramo revenos, kaj dum kelkaj horoj trapasos tra la bela nord-marbordo, kaj la urbetoj kie sin trovas la somerloĝejoj de multe el niaj Boston'aj riĉuloj.

Merkredon ni eniĝos la vagonaron por duhora veturado al la urbo Newport en la ŝtato Rhode Island. Tie ni trovos gravan postenon de nia militŝiparo, kaj la ĉefan somerloĝejon de la New-York'aj milionistoj. Oni nomas ĉi tiujn loĝejojn dometoj (cottages), sed grandaj dometoj ili ja estas! ĉar multaj el ili estas konstruitaj el marmoro, kaj havas la amplekson de hoteloj; ni emus nomi ilin palacoj.

Jaŭdon nia celo estas Salem. Tiu urbo, distance de Coston ĉirkaŭe dudek da mejloj, estis loĝigata en la 1626a, kaj dum maltaj jaroj estis la plej grava haveno en Usono. El tiu urbo estis komercado kun Ĥinujo kaj la orientaj insuloj, Afriko kaj Sud-Ameriko. Dum pli longe ol cent jaroj la ŝipestroj alportis al la urbo grandan kolekton da kuriozajoj, kiuj nune estas kolektitaj en muzeo, kie oni povas per la multaj objektoj, studi la plivastiĝon de sovaĝuloj per ilia interkomunikado kun civilizacio. Salem estis ankaŭ la sido, en la deksepa centjaro, de stranga religia frenezeco, kiam oni persekutis ĝis la morto la tielsupozitajn sorĉistinojn. Ni vizitos kelkajn lokojn kunigitaj kun ĉi tiu bedaŭrinda okazo de nia frua historio, kaj staros sur la monteto, kie, antaŭ ducent jaroj bruliĝis la supozeblaj kulpuloj kontraŭ la paco kaj vivo mem de la urbanoj.

Antaŭ via foriro ni devos nepre viziti la multajn somerloĝejojn inter la blankaj montoj kaj laŭ la marbordo, kiuj ni povos atingi en la spaco de kelkaj horoj, kaj en kiuj ni povos feliĉe pasigi tiom da tempo kiom vi povos ŝpari. Mi bedaŭras ke spaco malpermesas ke mi pli detale priskribu la multajn intereslokojn, ĉar mi nure komencis.

Kion vi diras? Ĉu Boston ne estus plej bona kongresurbo? Kombreneble! Ĝi havas kelkajn grandajn kunvenejojn, sufiĉe granda eĉ al la kvina (eble sesa); sufice da loĝejoj estus troveblaj po kontentiganta prezo; en ĝi logas niaj bonekonataj samideanoj, D-ro Lowell, S-roj Trombley, Harvey, Huntington, kaj aliaj. En la ĉambroj de la mondfama « Institute of Technology » estis kunvenantaj dum la lastaj vintroj la esperantaj klasoj, kaj tiu Institucio estas la unua, el la plej gravaj edukadaj institucioj, kiu aldonas Esperanton al ĝia regula studaro.

Kiel la naskloko de la Amerikana Esperanto Societo, ĝi estus plej konvena kiel la urbo kiu bonvenus niajn transoceanaj samideanojn al niaj bordoj.

Sed, nur atendu ĝis kiam miaj samnacianaj samideanoj aŭdos mian sugeston! Vi tiam laŭvice eltrovos ke la plej inda kongresloko estus New-York, Philadelphie, Chicago, Chautauqua, — eble eĉ Seattle. Sed, koncerne vin kaj min, ni scias ke, el

[1] Vidu « Esperanto » n-oj 36-37.

ĉiuj Boston superas, kaj por tiu urbo ni balotos. Ĉu ne. [1]

C. FESSENDEN

[1] La Kongreso, laŭ la ĝenerala opinio, okazos en Chautauqna, sed espereble ĉiuj kongresanoj uzos la okazon por viziti ankaŭ Boston, kiun tiel alloge priskribis nia korespondanto. (Red.).

## Kroniko Politika

El Maroko venis la ĉefa novaĵo de la lasta tempo, kaj, kiel ĉiuj Marokaĵoj neatendite: la militiro de la legitima sultano Abd-el-Aziz plene malsukcesis, lin venkis lia frato-konkuranto Moulaï-Hafid, kiu, sekve de tio, estis proklamita sultano en la plej multaj urboj. La situacio estas do senteble ŝanĝita. La demando staras nun, ĉu la nova sultano akceptos la akton de Algesiras kaj plenumos ĝiajn kondiĉojn. Se jes — kiel ŝajnas kredeble — la Eŭropaj potencoj tuj lin rekonos, sed en tiu okazo, la interna batalado ne finiĝos. Ĉar la nuna sultano sukcesis ĉefe tial ke li vekis la kontraŭfremdajn sentojn. Ni do estas en plena nekonato. Kio ajn estas, ŝajnas, ke la kunvoko de nova konferenco ne estas kredebla. La duba sukceso de la Algesirasa kunveno ne estas instigo por tia nova diskutado.

En Turkujo, la nacia reviviĝo daŭras sen tro multe da skuoj. Diversaj ministroj ne sufiĉe simpatiaj por la nova movado devis eksiĝi, aliaj ĉefoj de la malnova reĝimo, kiuj uzis sian rangon por sin pliriĉigi per rabadoj kaj subaĉetoj devis demeti sian oficon kaj forkuri. La ĝojo elmontriĝas en la tuta lando. Se reakcio ne okazas, oni povos diri, ke la revolucio Turka estas senekzempla en la historio.

Kiel ĉiusomere okazis politikaj renkontoj en la diversaj kuraclokoj de Bohemujo, kie reĝoj kaj ĉefministroj ŝatas ripozadi. Laŭ la tradicio, jurnalistoj pretendas rakonti kaj komenti la « sekretajojn » de tiuj rakontoj, kiuj, oni tion spertis, ne havas la gravecon, kiun oni aljuĝas al ili.

El Rusujo kuris famo pri eksiĝo de la nuna ĉefministro Stolypine, pro la reakcistaj instrigoj. Tiu famo ne definitiviĝis. La nuna ĉefministro, kiu sukcesis starigi relativan ordon en Rusujo, estas fervore subatakata de la absolutistaj partioj. Sed ĉar lia eksiĝo estus la reveno de la reakcistoj kaj sekve la disigo de la Duma kaj rekomenco de la revolucio, la imperiestro tre hezitas fari tiun gravan paŝon — eble pereigan.

A. R.

## La Faktoj

*27 Julio-Reval.* — Renkonto de la Caro kun prezidanto Fallières.

*Londono.* — Inaŭguro de la internacia paca kongreso.

*28 Genevo.* — Malfermo de internacia geografia kongreso.

*30 Vigneux* (Francujo) — Konfliktoj inter soldatoj kaj strikantoj. Kelkaj personoj estas mortigitaj kaj aliaj vunditaj.

*31 Konstantinoplo.* — La sultano proklamas la ĝeneralan amnestion.

*2 Aŭgusto-Abisenujo.* — Morto de Negus Nassibu, ministro de l'justeco.

*Kristianio.* — Vizito de prezidanto Fallières.

*Parizo.* — Provo de ĝenerala striko.

*3 Angla Kolumbio.* — Terura brulado en la valo de Koolomel ; 125 personoj mortis.

*4 Romo.* — Morto de literaturisto Chiarini. — Pastra jubileo de Pio Xa.

*5 Echterdingen.* — La direktebla aerŝipo Zeppelin post longa kaj feliĉa vojaĝo estis tute detruita de ventego kaj brulado.

*Parizo.* — Striko de la elektristoj. La ĉefurbo en mallumo.

*6 Konstantinoplo.* — Paŝao Kiamil starigas novan ministraron.

*Berlino,* — Malfermo de internacia kongreso de historiaj sciencoj.

*Germanujo.* — Komenco de monofero por la rekonstruado de la direktebla Zeppelin.

*7 Romo.* — Morto de eksministro Strabla di Rudini.

*Cilio* — La ministraro eksiĝas.

*8 Le Mans* (Francujo). — Wright feliĉe eksperimentas sian flugmaŝinon.

*10 Darmstadt* — Malfermo de la internacia kongreso de l'stenografistoj.

*11 Kromberg.* — Renkonto de imperiestro IIa kun reĝo Edvardo VIIa.

*12 Iohl.* — Renkonto de Edvardo VIIa kaj Francisko Zezefo Ia.

*Toulon.* — Eksplodo de kanono sur vaporŝipo « Couronne ».

*14 Kopenhago.* — Inaŭguro de la 15a kongreso de l'Orientalistoj.

*Berlino.* — Aerŝipo Parseval trairas 88 kil. je alteco de 200-400 m.

*15 Londono.* — La aerŝipo Lovelace estas detruata de eksplodo.

*Le Havre.* — Forveturo de la ŝipo « Pourquoi-Pas ? » celanta la sudan poluson.

*Steglitz* (Germannjo). — Morto de filozofo Paulsen.

*16 Konstantinople.* — Neatendita morto de Redjeb Paŝa, militministro.

*Limoges.* — Franca Kongreso de liberpensuloj.

*18 Wigan* (*Britujo*) — Katastrofo en minejo ; 74 mortintoj.

A. TELLINI.

# La Kvara Esperantista Kongreso

## Simplaj notoj kaj informoj

Nia unua intenco estis liveri al niaj legantoj plenan raporton pri la ĵusa Kvara Kongreso, sed la tempo kiu restis antaŭ la apero de ĉi tiu No estis tiel mallonga kaj la dokumentoj pri la Kongreso tiel multaj kaj diversaj, ke ni devas kontentigi nin per simplaj rapidaj notoj pri la faritajoj dum ĉi tiu Kongreso, kaj ni resendos por ĉiu plua informo niajn scivolajn legantojn al la oficialaj raportoj pri la kongreso, kiuj baldaŭ aperos.

***

### La vojaĝoj de U. E. A.

Antaŭ ol paroli pri la Kongreso, konvenas rememorigi pri la kvar vojaĝoj organizitaj de la fako IIIa de U. E. A Kvankam rapidege organizitaj, tiuj vojaĝoj kontentige sukcesis; ili entute kunigis pli ol 200 partoprenantoj ĉiulandaj.

Karavano A. kondukata de S-ro Schmid, enhavis ĉirkaŭ 40 partoprenantoj, kiuj foriris de Genevo, trapasis la mirindan montlinion Montreux-Oberlando-Berna, vizitis Lucernon kaj la ĉarman *Esperanto-Paradizon*, kie korega festeto estis preparita por ili kaj tra la belega Tirolo atingis Innsbrück, kie ili estis plej kore akceptitaj de la tieaj samideanoj. La karavano poste iris en la mirindan Boheman ĉefurbon Praha, kie ĝin gastigis en la plej afabla maniero la tiea Delegito de U E. A. helpita de aliaj samideanoj La partoprenantoj vizitis la tre interesan Jubilean ekspozicion, gvidata de afablaj Esperantianoj, kaj atingis Dresdenon la 15an, post vojaĝo, kiu lasis al ĉiuj bonegajn impresojn, ĉu pro sia belegeco, ĉu pro la korafableco de la akceptoj.

Karavano B, gvidata de S-ro Pujulà, kun 40 vojaĝantoj vizitis Neŭtra Moresneton, kie ĝin atendis kora akcepto, kaj la urbo Köln, kiun ili trapasis gvidataj de la vicdelegito S-ro Quambusch.

Gvidata de S-ro H B Mudie, karavano C enhavis ĉirkaŭ 80 partoprenantoj. Je la iro, la vojaĝantaro vizitis Hamburgon kaj Berlinon kun la helpo de la tieaj samideanoj ; je la reveno ĝi haltis en Praha, Heidelberg, Coblentz, Bruselo kaj Antvespeno, kie okazis akceptoj kaj rondveturoj.

Fine, karavano D, kondukata de S-ro Bendix, kaj havanta Skandinavajn samideanojn plej kontentige sukcesis. Je la reveno, akompanis ĝin multaj ne-Skandinavanoj, kiuj ĉeestis la postkongresajn tagojn en Kopenhago.

Ni ĉi tie uzas la okazon por sincere kaj korege danki ĉiujn Delegitojn kaj ĉiujn personojn, kiuj helpis al la organizo de niaj vojaĝoj kaj per ĉiuj manieroj klopodis por faciligi kaj agrabligi la restadon de la vojaĝantoj ĉe ilia urbo. Ni konscias, ke malgraŭ kelkaj mankoj neeviteblaj en unua eksperimento tiuj vojaĝoj klare montris la jam praktikan utilecon de U. E. A. Ni penos profiti la akiritan sperton por plibonigi la organizon de tiuj vojaĝoj al kongresurbo, kiuj estas unu el la ĉefaj okupoj de fako IIIa.

### La Kongresurbo esperantistigita.

Ĉiuj samideanoj alvenantaj en Dresdeno estas agrable surprizataj, ekvidante ĉe multegaj fenestroj Esperantistajn flagojn. Granda parto de l'urbo estas feste ornamita en la honoro de la Esperantistaj vizitantoj. Cetere, la urbanaro ne estas malpli esperantista, ol la ekstera ŝajno de la domoj. Multaj estas la personoj kiuj studis Esperanton dum la lastaj monatoj, kaj ĉiuj bonege elparolas kiel pruvis la ludo de la Esperanta komedio : « *Tie ĉi oni parolas Esperanton* », la 15an de aŭgusto, antaŭ plenĉambro de jam alvenintaj kongresanoj Plie, mirindaĵo neantaŭvidebla, pli ol tridek policanoj Dresdenaj parolas Esperante, kaj ĉiel penas helpi al la vizitantoj. En la hoteloj ankaŭ, ŝatinda nombro de oficistoj parolas nian lingvon. Cu la kongresurbo ne estas vere Esperantista urbo ?

### Pli ol 1400 kongresanoj...

Multaj personoj pesimisme anoncadis, ke en Dresdenon venos apenaŭ milo da Esperantistoj, ĉar la urbo estas malproksima, ĉar la vojaĝo estas kara, ĉar... La pesimistoj eraris. Je la 18a de aŭgusto, pli ol *1430* kongreskartoj estas elvenditaj !... Se oni rememoras la antaŭajn ciferojn : Boulogne 600, Genève 1000, Cambridge 1300, oni devas konfesi, ke Dresdeno estas grandioza sukceso. Kiaj estas la kongresoj, kiuj sukcesas kunigi tian gravan nombron da partoprenantoj ?

### Oficialaj apogoj kaj delegoj.

La oficialaj apogoj ne mankis al nia Kvara Kongreso La Reĝo de Saksujo akceptis la altan protektoraton de nia kunvenego, komitato da multaj saksaj aŭtoritatuloj, ministroj, oficialuloj, k. a, partoprenis ĝin. Du regnoj sendis oficialajn delegitojn, nome *Usono* kaj *Japanujo*. Same agis la *Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco* (S-ro Moynier), kaj la *Internacia Oficejo de la Paco* (G. Moch).

### La dimanĉaj Diservoj.

Kiel dum la lastaj jaroj la dimanĉa tago estis dediĉita al la solenaj Diservoj, kaj la gekongresanoj ĉeestis tre multnombraj en la diversaj preĝejoj. Dank' al senlaca sindonemo de S-ro von Frenckell, kiu tre ageme kaj tute sola prenis sur sin la malfacilan taskon organizi la programojn, la muzika parto de la religiaj ceremonioj tute belege sukcesis.

La katolika Diserve okazis je la 10a en la preĝejo de la Sankta Koro de Jesuo (Herz Jesu-Kirche).

Dum la meso oferita de S-ro abato Richardson oni aŭdis la tute rimarkindan ĥoristaron (la Dresdena Liedertafel), kiu kun sento kantis belegan ĥoron de Beethoven „ La honoro de Dio el la naturo ". La belaj voĉoj, kantante kapelmaniere, naskis ĉe la ĉeestantaro tre grandan impreson. Aliaj religiaj kantikoj estis kantitaj de S-ro Gotardo (Patro nia) kaj S-ino Guivy (Himno).

En la " trio " eltirita el la ĥoroj, kiujn Mendelssohn verkis por " Atalio ", kaj kies parolojn esperantigis D-ro Noël, S-iro Sahla bonvolis en la lasta momento pruntedoni la multevaloran helpon de sia tre bela voĉo Fine la ĉeestantoj havis la grandan ĝojon aŭdi la reĝan kamerkantistinon, S-ino Minnie von Frenckell, kies ĉarma kaj tute mirinda belsona voĉo kantis kun granda impreso la delikatan kanton de Hugo Wolf " Dormanta Jesuknabo ".

Post la meso kanoniko Pichot, paroĥestro de sankta Devoto, en Monako, faris belan kaj tre altan predikon, kies simbola senco povis rilati al Esperanto la universa lingvo de ĉiuj fideluloj.

La orgeno estis tre lerte ludita de S-ro Pembaur, reĝa orgenisto, aranĝita de Franz Liszt sub la direkto de S-ro Kurt Blumentritt. La forta voĉo de F-ino Apitz naskis tre religian movadon.

En la preĝejo de la Sankta Kruco okazis, je la duono de la dekdua, la lutera Diservo ; ĝin komencigis tre bela kanto " Laŭdu ni Dion " kantita de la tuta ĉeestantaro kaj tre bone esperantigita de S-ro Leopold Elb (kiu Esperante tradukis preskaŭ ĉiujn religiajn kantojn kantitajn en la du preĝejoj). Poste laŭtiĝis la bela kaj tre varma voĉo de F-ino Susanna Apitz en la kantiko " La Ciopovo " laŭ la muziko de Franz Schubert por vira ĥoro, orĥestro kaj orgeno impreson kaj ĉiuj laŭdis la belegan ludadon de tiu grava muzika verko. Inter la strofoj de la kanto " Kor' kun koro kunigita " okazis tre altsenta prediko de la pastro Licto Kühn, kies emocieco konvinkis la ĉeestantaron, ke Esperanto estas la vera lingvo de la internacia religia sento.

Kaj kiel tio okazis en la lastaj kongresoj, la esperantistoj, kiuj ĉeestis la du Diservojn certe konservos en sia koro bonan memoron de tiuj ceremonioj, dum kiuj la voĉoj de grandaj kaj veraj artistinoj aldonis al la religia sento tute noblan kaj artan impreson.

### La malferma kunveno.

Ĝi okazis la 16an de aŭgusto matene. La ĉambrego de Vereinshaus estis plenega je kongresanoj kaj invititoj, inter aliaj diverslandaj konsuloj en Dresdeno. Sur la estrado sidas la diversnaciaj delegitoj. Post orgenludo de « La Espero » eniras Dro Zamenhof, salutata per longa aklamado. Ciuflanke aŭdiĝas krioj « Vivu Zamenhof ! » Tukoj kaj flagoj svingiĝas. Aplaŭdegoj plenigas la tutan ĉambron. Kiam silento fariĝis, kolonelo Pollen, prez. de la Trio, transdonas la prezidantecon al D-ro Mybs, prez. de la Kvaro, kiu deklaras la kongreson malfermita. Sinsekve, kaj meze de varmaj aplaŭdoj, S-ro Lange, oficiala reprezentanto de la reĝa ministro de l'interno, kaj S-ro Beutler, ĉefurbestro de Dresdeno, kore salutas la kongresanojn en la nomo de la registaro kaj urbestraro. Fine, venas la atendita peco, nome la parolado de D-ro Zamenof. Tiu trafa parolado, ofte interrompita de aplaŭdegoj, produktis la plej bonan kaj fortan impreson. Niaj legantoj trovos ĝian tekston sur la 1a paĝo de nia numero.

La paroladon de D-ro Zamenof sekvis la salutaj paroloj de la Delegitoj de la reprezentantoj nacioj kaj lingvoj. La jenaj nacioj estis reprezentataj : Aŭstrio (germana, ĉeĥa, Hungarujo), Belgujo, Bulgarujo, Britujo (Anglujo, Skotujo, Irlando), Danujo, Francujo, Germanujo, Hispanujo (hispana, kataluna), Holando, Italujo, Norvegujo, Portugalujo, Rumanujo, Rusujo (rusa, pola), Servujo, Svisujo, Monako, Tunizio, Indio, Japanujo, Filipinoj, Usono, Kanado, Meksiko, Brazilujo, k. t. p. Ciuj delegitoj salutis D-ron Zamenhof, kaj la Kongreson en la nomo de sia lando kaj esprimis sian fidon pri la fina venko de la nuna Esperanto. El tiuj paroladoj, oni povis konstati, ke nun la elparolado de ĉiuj estas sendifekta kaj Esperanto fluas facilege de ĉiuj lipoj...

### La agadaj kunvenoj.

Por la detalo de tiuj kunvenoj ni resendas niajn legantojn al la oficiala raporto. Jen la ĉefaj rezultatoj de ili : La Kongreso aprobas la fondon de *Konstanta kaso por la Kongresoj*, por faciligi la organizon de la estontaj Kongresoj.

Ricevinte proponon pri *Internacia Atesto pri Kapableco*, ĝi transdonis tiun demandon al U. E. A. Car tiu Asocio decidis nun sin ne okupi pri tio, la afero estis resendita al la Instituto de Esperanto, decido de S-ro Privat.

Post raporto de S-ro Privat pri *Esperanto por Junularo*, kaj pri la aŭtoro iniciatas la kreon de Esperanto-domoj por junuloj, la demando estis resendita al U. E. A., kiu kreis specialan fakon por tio.

La Kongreso decidis prokrasti *sine die* la demandon pri *Esperantesta festotago*.

Gi decidis ankaŭ krei specialan sekretarian ajunkton de la Organiza Komitato por Ameriko

Diversaj raportoj estis legitaj antaŭ la Agadaj kunvenoj, pri la laboroj de la *Asocio de la Instruistoj* (S-ro Maréchal), pri *Oficejo de instruantoj de Esperanto* (S-ro Fišer), pri *Moresnet* (S-ro Roy), k. t. p.

### La ferma kunveno.

La 22an de Aŭgusto, la ĉambrege estis denove plenega. S-ro Boriac legas interesan raporton pri la agado de la *Lingva Komitato* (Vidu *Oficiala Gazeto*), kiu estas unuanime akceptata. Poste S-ro Bein raportas pri la elektita *Esperantista Akademio* (vidu la raporton ĉi su be). Tiu raporto estas akceptita kaj la Kunveno unuvoĉe aprobas tagordon pri sia plena konfido al la Lingva Komitato kaj Akademio.

Poste venas la demando pri la loko de la venonta Kongreso. Du invitoj estas ricevitaj : unu el Usono kaj unu et Barcelono. La Organiza Komitato proponas, ke la *5a Kongreso okazu en Chautauqna (Usono) kaj la 6a en Barcelono (Hispanujo), en la sama jaro.* Tiu propono estas aplaŭde akceptita. La Kongresoj estos aranĝataj tiel, ke la revenantoj el Ameriko povu ĉeesti la 6an Kongreson. La kunveno ankaŭ notis inviton de Antverpeno por la 7a Kongreso.

Fine de la kunveno, D-ro Zamenhof korege dankas al la kvaro, kiu ricevis tiel grandegan sukceson, kaj D-ro Mybs deziras al la Kongresanoj feliĉan hejmenrevenon. Meze de senfinaj entuziasmaj aklamoj, la 4a Kongreso estas oficiale fermita.

### Esperantista Akademio.

Ni publikigas ĉi sube la raporton de D-ro Bein. La propono 2a) estis unuvoĉe akceptita de la Kongreso.

Esperantistoj,

Mi havas la honoron prezenti al vi raporton pri la fondo de la Esperantista Akademio kaj pri la laboroj de la L. K. kaj de la A. dum la Dresdena kongreso.

Por forigi la malutilojn de la grandnombreco de la L. K., la prezidanto prezentis al la L. K.—anoj projekton de reorganizo de la Komitato, — ĝian dupartigon, formante en ĝi Konstantan Superau Komision aŭ Akademion el 18 membroj. Laŭ tiu ĉi projekto, ĉiuj komitatanoj havas egalan rajton elekti novajn membrojn, baloti membrojn de la A., esti balotatoj en ĝin. proponi demandojn kaj diskuti la proponitajn temojn, sed nur la A- decidos, kun tiu rezervo tamen, ke la plena L. K. povas ĉiam postuli duan pridiskuton kaj en tia okazo eldiri la finan decidon.

Kiam la provizora regularo de la nova projekto estis akceptita de L. K. (per 66 voĉoj el la 80 voĉdoniutoj), la prezidanto, konforme al la 8-a articolo de la regularo, dis sendis al la L. K.— anoj liston de 29 kandidatoj en la A.-on, proponante dume elekti nur 12 membrojn. La rezultato de la baloto estis jena : per absoluta plimulto estis elektitaj nur 9 A.-anoj, kies nomoj estas : Boirac, Bein, Cart, Grabowski, Moch, Saussure, Nylen, Mybs, Villanueva, t. e. 4 franclingvanoj, 2 Poloj, 1 Svedo, 1 Germano kaj 1 Hispano.

La unua tasko de la A-anoj, kunvenintaj en Dresdeno antaŭ la kongreso, estis elekti nur parton de la estraro (prezidanton kaj 2 vicprezidantojn), prokrastante la elekton de la ĝenerala sekretario kaj de 1-2 pluaj vic-prezidantoj ĝis la tempo, kiam la A. estos plennombra. Estis elektitaj : Rektoro Boirac — prezidanto, Dr. Bein kaj Dr. Mybs — vic-prezidantoj.

Jen la ĉefaj rezultatoj de la laboroj de l'A. kaj de la L. K. dum la IV kongreso. :

1) Estis fonditaj 4 konstantaj komisioj au sekcioj : *a*) por la gramatiko, *b*) por la komuna vortaro. *c*) por la teknika vortaro kaj *d*) por la internaj kaj ĉiuj aliaj aferoj. Kiel direktoroj de la 4 sekcioj estis elektitaj : *a*) S-ro Grabowski-gramatiko, *b*) P-ro. Cart'komuna vortaro ; *c*) P-ro. Saussure, teknika vortaro ; *d*) S-o Moch, internaj aferoj.

2) Estis redaktita de la A. kaj aprobita de la L. K. la deklaro pri la rolo de la L. K. Jen ĝia teksto : "La tasko de la L. K. estas zorgi pri la konservado de la fundamentaj principoj de la lingvo kaj kontroli ĝian evolucion. Gi do esploras ĉiujn lingvajn demandojn kaj solvas ilin laŭ la supreditaj principoj. Neniel la Fundamento, nek la Lingva Komitato povas esti baro por la normala evolucio de la lingvo, kiun ili, kontraŭe, certigas.

Dank' al la fondo de la Akademio la L. K., nun praktike reorganizita, publikigos antaŭ la fino de la jaro, kiel oficialan aldonon de la Universala Vortaro, la rezultaton de la jam faritaj laboroj ; poste aperos studoj pri la teknika vortaro kaj pri la sintakso.

"Trankvile kaj firme, laŭ la konsilo de nia Majstro, Esperantistoj ni povas iri nian vojon."

3) Estis preparita listo de kandidatoj en la L. K. Tiu listo ne estas antoraŭ definitiva, kaj ĉiuj esperantistaj societoj, grupoj kaj eĉ izolitaj Esperantistoj havas la rajton kaj estas petataj sendi la nomojn de siaj kandidatoj al la estraro de la A.

4) La A kaj la L. K. akceptis la proponon de Dr. Mybs pri averto, dissendota al la kandidatoj en la L. K. — on. Jen ĝia teksto : " Oni memorigas, ke elektante iun membro de la L. K., oni intencas postuli de li efektivan laboradon, kiam estos necese, kaj ne doni nur al li honoran titolon. Oni insiste petas, ke la L. K. anoj neniam uzu tiun titolon por reklama celo, ĉar tia malbonuzo povus tre malutili la aŭtoritaton de la L. K."

5) Estis akceptita de la L. K la propono de la prezidanto fondi specialan kason de la L. K.

Esperantistoj ! Nia forteco, kiel diris la Majstro, ne estas la merito de iu el ni aparte, sed ĝi estas nur la rezultato de multjara pacienca laborado de multo da personoj. Ne dubante, ke tiu ĉi multo — la tuta Esperantistoro helpados la L. K.— on, ni kun plena espero rgardas la estoncecon, ĉiam instigataj al la laboro per la flama deziro plej baldaŭ vidi la definitivon triumfon de Esperanton.

K. BEIN.

### La specialaj kunvenoj.

Tiuj specialaj kunvenoj estis tiel multaj, ke nuntempe liveri raporton pri ili estas

tute neeble. Niaj legantoj trovos en ĉi tiu gazeto, ĉu en tiu N° ĉu en la sekvantaj, oficialajn raportojn pri la ĉefaj el ili. La protokolon de la kunvenoj de U. E. A. oni bonvolu legi en la oficiala informilo de ĉi tiu N°. La jenaj faksocietoj havis kunvenojn dum la Kongreso : Katolikoj, liberpensuloj (granda kunveno kun parolado de S-ro Bourlet), teozofoj, juristoj, studentoj, maristoj, ruĝkrucistoj, instruistoj, neprofesiaj instruantoj, ruĝuloj, framasonoj, vegetaranoj, policanoj, kuracistoj, dentistoj, helpo por virinoj, pacifistoj, k. c. k. c. En la tri gravaj kunvenoj, de *Internacia Scienca Asocio*, oni interŝanĝis ideojn pri la verkado de la profesiaj vortaroj, nun ellaboratoj de la Scienca Oficejo. La prezidanto de tiu Asocio por 1909 estas S-ro Benoit, el Parizo, direktoro de la oficejo internacia pos peziloj kaj mezuriloj. Ankaŭ interesa estis la kunveno de la Kuĝa kruco, speciale la praktika ekzercado de la ruĝkrucaj helpistoj.

**La festoj kaj koncertoj**

Tiu parto de la Kongreso estis *mirinde* aranĝita kaj oni ne povus tro gratuli la organizantojn por la klopodoj, kiujn al ili trudis la aranĝo de tiaj grandiozaj festoj kaj ekskursoj. Sabaton antaŭ la Kongreso okazis en Vereinshaus bela akcepta kunveno, ĉe kiu oni bonege ludis : « Tie ĉi oni parolas Esperante. » Dimanĉon, agrabla koncerto-festo, lundon ĝardena festo en la arta ekspozicio kun mirinda koncerto, en kiu, Esperante kantis la Dresdenaj kaj Prahaj operkanstitinoj S-inoj Apitz, Forti kaj Nüssle kaj ludis la Muzikistaro de la 2e reĝa grenadir-regimento. Mardon postagmeze, ekskurso en la pentrindan urbon Weissen. Por la iro, tri flagornamitaj ŝipoj kondukas la 1400 kongresanojn; en Meissen oficiala akcepto de la urbestro kaj, je l'sono de muzikistaro ludanta Esperantistajn ariojn, la anaro vizitas la urbon, la fabrikejojn, la kastelon. Vespere, nova festo kun teatrajo kaj ekstere iluminado de l'kastelo. Tiu ekskurso — en kiu regis la plej pura esperantista spiritopostelasos al ĉiuj ne forgeseblajn rememorojn. Ankaŭ tre plezuriga estis la ekskurso al Saksa Svisujo, por kiu estis dediĉita la jaŭda tago. Post bonega ŝipveturo sur Elbo, la Kongresanoj ĝoje festenis sur la supro de roko el la belega saksa regiono, poste iris en Wehlen, kie ilin akceptis oficiale kaj esperante la urbestro. Je la reveno, ambaŭflanke de l'rivero bordanoj estis ilumininitaj la montetojn kaj la kampodomojn. La efekto estis vere imponanta kaj la impreso forta ĉe ĉiuj rigardantoj. La nacivesta balo, kiun antaŭiris nova bonega koncerto, havis sian ordinaran sukcesegon. Fine, sabaton, okazis la festo de La Revuo, ĉe kiu oni disdonis antaŭ plenega aŭdantaro la premiojn de la konkursoj organizitaj de la dirita gazeto. Ĉiuj tiuj festoj — ĉiuvespere okazis unu aŭ du — bonege sukcesis, kaj ĉiuj samideanoj ŝuldas al la aranĝintoj dankadon kaj gratuladon pro la mirindaj rezultatoj atingitaj.

**La teatra prezentado de "Ifigenio".**

Ĝi estis unu el la gravajoj de tiu kongreso. Tiu prezentado okazis en la Operdomo kaj ĉiuj kongresanoj ĉeestis. La sukceso estis grandega. Ĉiuj geaktoroj — speciale F-ino Reicher, kiu ludis la rolon de Ifigenio — perfekte elparolis nian lingvon, kiu — tion klarege montris ĉi tiu eksperimento — mirinde taŭgas por tragedio. Ankaŭ tre interesa estis la prezentado, kiun organizis kelkaj svedaj aktoroj, sub nomo *Sveda Esperanto-Teatro*.

**La ekspozicio.**

Neniam ĝis nun ni trovis tiel imponantan bone ordigitan amason da dokumentoj. Ĝuste kontraŭ la enirejo troviĝas la tablo de Zamenhof. La portreto de la Majstro tronas super lia verkaro kaj la unuaj literaturaj libroj de la unuaj fideluloj de la genio elpensinto de Esperanto.

Kiam oni vidas tiujn modestajn librojn de D-ro Esperanto, kiam la disciploj ame palpas la faman « Dua Libro », la unuajn eldonojn de « Ekzercaro », k. t. p., oni vere sin demandas, kiel tiuj broŝuroj povis enteni tion da alloga forto, tiom da entuziasmigo. Ne per bruado, per perforto, per mona subaĉeto, sed per sia beleco kaj propra valoro, Esperanto tiel malbone armita por la batalo timplene kaj senskue akiris la mondon. Lingvo, kiu, per tiaj rimedoj, sukcesis ne plu estas detruebla.

Apud la « Fundamento » kuŝas la verdaj kajeroj de la unuaj pioniroj. Jen la verkaro de Grabowski : Kondukanto, la Gefratoj, Neĝa blovado, Janko Muzikanto, La Liro, Jenoliaj de Kazi-Girej : kaj la malnovaj kunbatalantoj, unuaj amikoj de la unua horo, venis de malproksima lando por aplaŭdi la triumfon de la amata majstro. Nun senfine disvolviĝas la longega vico de la tuta Esperanta libraro. Jen la riĉa literaturo, la verkoj de Kober, Valienne, Noël, Lambert kaj tiom da aliaj, jen la ruĝaj kovriloj de la fema kolekto de la « Ruvuo », jen la diversaj elegantaj broŝuroj de la Presa Esperantista Societo, la anglaj eldonoj lukse foritaj de la B. E. A. kaj de Stead. Apude sciencaj, religiaj, sociaj verkoj, la diversaj sciencaj terminaroj, la pacifistaj, la Bibliaj, la sanktaj libroj. Tuta kolekto da en punktreliefaj Brailléaj literoj presitaj volumoj por blindulej pruvas la agemecon de Profo Cart, kiu tiel trovis belegan rimedon por helri al la malfeliĉa stato de blinduloj. Proksime longa serio da muzikaj pecoj montras la mirindan aŭgecon de nia bonsona lingvo por la kantado, kaj tie inter multaj bonegaj verkistoj tronas la plej konata, Bono de Ménil, la nun ĉiekonata aŭtoro de la oficiala muziko de nia himno Espero.

Nun venas la vico de la multenombraj naciaj lernolibroj : la Germanaj de Borel, de kvarano Schramm, de Stark, kaj la bonega Leksikono de Velten kaj Richter ; la tiel multenombraj francaj libroj de Cart, Aymonier, Chavet kaj Warnier, k. a. ; la anglaj, hispanaj, italaj, katalunaj, portugalaj, holnndaj, svedaj, dana-norvegaj, rusaj, polaj, estaj, litvaj, hungaraj, bulgaraj, turkaj, grekaj, arabaj, eĉ la plej optimistaj Esperantistoj mire rigardas tiun miraklan spektaklon. En speciala fako Dro Hanauer preyentas al ni originalan kaj plej lertan metodon por instrui pri Esperanto, Kvin tabloj estas kovritaj de ekzempleroj de la sesdek nun ekzistantaj gazetoj, de la malnova gazeto "Esperantisto", eldonita de 1889 ĝis 1895 en Nürnberg ĉe Tümmel, ĝis la plej lasta. La propagandiloj diversaj, la bonegaj ĉefeĉaj ŝlosiloj. kaj ankoraŭ multo, multego, kiun ni forgesos aŭ ne vidis ! Multaj el tiuj trezoroj estas alportitaj de Profo Bourlet, kiu ilin elĉerpis el sia propra biblioteko aŭ el tiu de la Pariza Grupo. Apude oni vidas la aplikon de la lingvo. Grandaj landkartoj kaj statistikaj paperoj de la Centra oficejo montras la divastiĝon de Esperanto en Eŭropo kaj Ameriko. Komercaj anoncoj kaj plie komercaj aĉetindajoj pruvas jam la uzeblecon de Esperanton...

Vere, tiu ekspozicio, pli bone kaj konvinke ol ĉiuj paroloj, montris al la plej skeptikaj la potencan divastaĝon de nia lingvo, ĝian vivoplenecon.

**Postkongresaj ekskursoj.**

Post la kongresa semajno, diversaj ekskursoj estis organizitaj. Dimanĉon, granda parto de la kongresanoj vizitis la tiujaran ĉarman Esperantistujon *Weisser Hirsch* kaj tie estis kore akceptitaj. Siaflanke, la *Berlina* grupo en plej afabla maniero gastigis pli ol 250 samideanojn, kiuj pn la daŭro de tri tagoj vizitadis Berlinon, Potsdamon kaj ĉefajn interesajojn. La 25an okazis en la urbodomo granda publika kunveno, kun la ĉesto de Dro Zamenhof, tie parolis, kiel en la kongreso, la reprezentantoj de ĉiuj ĉeestantaj nacioj por konvinki la Berlinan publikon pri la... paroleblecо de Esperanto. Sekve, pli ol 120 personoj iris ĝis *Kopenhago*, kie ilin atendis belaj festoj kaj koraj akceptoj. Fine, multaj kongresanoj veturis ĝis la bela urbo *Praha* kaj ĝuis la gastamecon de la tieaj samideanoj. Postkongreso sukcesa kaj bone aranĝita ankaŭ okazis en en *Frankfurto*, kiun trapasis multaj el la hejmenirataj kongresanoj. Ĉiuj diversaj sukcesoj estis plej bone finis tiun gravan, ne forgeseblan, imponantan kvaran kongreson — la plej granda ĝis nun atingita triumfo de nia afero !

*Vidinto.*

***

Konkludoj kaj kelkaj rimarkoj pri la kongreso aperos en nia proksima N°, sed tuj de nun, post tiuj, ho ve ! tro ne plenaj, tro sekaj notoj de kongresano, oni permesu al ni konstati la grandegan, ne diskuteblan, sukceson de nia kvara kongreso. Ĝi estis grandioza, harmonia, frata manifestado de Esperantismo; ĝi estis kampo de serioza kaj utila laboro ; ĝi estis klara pruvo de la taŭgeco de nia lingvo. La dankadon de ĉiuj meritas la organizantoj de tiu kongreso kiuj en malfacilaj cirkonstancoj klopodis por ĉion bonege aranĝi kaj sukcesis ricevi mirindajn rezultatojn. Kaj nun, Esperantistoj refortigitaj de tiu ĝoja kaj fruktodona semajno, ni iru ĉiuj kune al la laboro, kiun trudas al ni la venkoj estontaj.

Nur rekte, kuraĝe, kaj ne flankiĝante,
Ni iru la vojon celitan !...

# Universala Esperanto - Asocio

## Ĝia celo ; ĝia signifo

*Parolado de* **H. HODLER**, *vicprezidanto de U. E. A. ĉe la solena malferma kunveno*

(Dresdeno — 18 Aŭg. 1908).

Kara Majstro.

Karaj Samideanoj,

Antaŭ ol klarigi al vi la organizon kaj agadon de U. E. A., estas necese rememorigi en kiaj cirkonstancoj kaj pro kiuj kaŭzoj ĝi estis fondita. Kiel vi ĉiuj scias, en la daŭro de la lasta tempo, danĝero minacis nian aferon. La momento nun estas feliĉe forpasinta — tion klarege pruvas la nuna kongreso — kaj ĉar en niaj vicoj oni pli volonte kaj pli prave pensas kaj parolas pri la estonto ol pri la estinto, mi ĉi tie tute ne intencas, eĉ mallonge, priparoli la diritajn okazintajojn, kiuj de nun apartenas al la senpartia historio. Ĉiu movado posedas en la daŭro de sia vivo, ĉefe dum sia periodo de komenco, neeviteblajn, ofte necesegajn krizojn, kiuj utilas al tio, ke ili montras mankojn, difektojn, kiuj, eble ne vidataj dum periodo de trankvileco, enjetiĝas al la okuloj de ĉiuj, kiam venis danĝero. La lasta krizo, kiun elportis nia afero, montris al ni diversajn mankojn, kiuj, laŭ nia opinio, reduktiĝas ol la jenaj : neesto de internacia fortika organizajo, kuniganta ĉiujn personojn kiuj uzas nian lingvon internacian, nesufiĉeco de *materiala* fundamento, kiu ŝirmos nian movadon kontraŭ ĉia atenco kaj ĉia danĝero de disfalo. Per unu vorto, ekzistas inter niaj samideanoj forta *morala* unueco — ĉi tiu nin savis — sed ne ekzistis ĝis nun sufiĉa *materiala* unueco. Se la unua permesas al ni venke kontraŭbatali danĝerojn kaj atakojn, la dua liveras al ni la fortojn necesajn por fari energian pozitivan laboron kaj iom post iom certe varbi al ni tiun grandan parton de la homaro, kiu bezonas lingvon internacian. Penetritaj de la neceseco krei tian organizajon, konvinkitaj ke ĝi estas ĉiam pli kaj pli postulata de la bezonoj de nia afero, ke tia organo estas grandega helpo por la progresado de nia movado, kelkaj iniciatintoj decidis krei la tiel nomitan U. E. A. Gi estis kreita ĝuste en tiu tempo, kiam ĝia bezono, pro la tiama krizo, estis pli sentebla, sed super tiu pura cirkonstanco, kiu kondukis nin al la fondo de U. E. A., ekzistas jam de longe gravaj kaŭzoj, kiuj montriĝis ne el teoriaj pripensoj, sed el la ekzameno de l'faktoj, kiuj klare pruvas, ke la momento estas oportuna por krei tiun novan organismon.

Mi permesos al mi resumi tiujn kaŭzojn. Nia movado konsistis ĝis nun ĉefe el *progagando* : oni diskonigis Esperanton per diversspecaj rimedoj, kiel paroladoj, gazetartikoloj, kursoj publikaj, k. t. p. ; oni sin turnis al la tuta homaro montrante al ĝi la necesecon de internacia lingvo kaj la specialajn ecojn de Esperanto, uzante ĉefe idealajn argumentojn. Dank'al tiu senlaca propagando, jam bonegaj rezultatoj estis atingitaj : en multegaj lokoj, kreiĝis grupoj esperantistaj, organiziĝis publikaj kursoj, ofte kun la apogo aŭ la peto de progresemaj lernejestroj ; multegaj estas ankaŭ la gazetoj, kiuj nun jam ne timas publikigi artikolojn pri nia afero, kaj se en ili aperas ankoraŭ kritikaj vortoj pri nia agado — tio pruvas jam, ke ĝi estas atentinda — la nombro de la favoraj artikoloj tre superas la nombron de la malfavoraj. Fine, al ni ne mankas nun la oficialaj aproboj kaj helpoj, kiel ankaŭ pruvas ĉi tiu kongreso. Ĉion tion oni ŝuldas al la ĝisnuna fervora kaj sindona penado de tiuj samideanoj, kiuj, konataj aŭ nekonataj, per sia agado permesis al ni venki la indiferentecon de la publiko, permesas al ni ĉeesti tiajn grandiozajn neforgeseblajn manifestadojn kiaj estas niaj internaciaj kongresoj. — Venis nun la *dua* parto de nia tasko, kiu estas nur la logika kaj necesega konsekvenco de la unua, nome la *utiligo* kaj *uzado* de tiu ilo, kiun ni ĝis nun ĉie diskonigis. — Gis nun ni turnis nin al la publiko, montrante la fasadon de nia domo ; nun, ni devas montri al ĝi la internan komforton de tiu domo, la profitojn kaj preferindajojn, kiujn ricevos la enirintoj ; se tiu domo estas senmebla aŭ se ĝi havos komfortan meblaron nur post kelkaj jardekoj, la enirintoj, trovinte nenion sufiĉe allogan por ilin enloĝigi, foriros al siaj malnovaj, sed komfortaj domaĉoj, kaj la dezirantoj eniri ne deturnos de sia vojo, sed atendos ĝis la domo estos meblita kaj plenigita je komforto. Per aliaj vortoj, oni devas labori ne nur por la propagando de Esperanto, sed ankaŭ por ĝia uzado ; se oni devas pensi pri la tuta homaro, oni ne devas forgesi tiujn homojn, kiuj eniris niajn vicojn kaj ĝis nun ricevis interŝanĝe nenion. Ni rigardu ne nur la stelon de l'estonto, kiu nin gvidas, sed ankaŭ la teron, sur kiu ni marŝas. Por nia dua tasko, nome la uzado de Esperanto, necesega estas la organizo de diversaj servoj internaciaj. Tiu laboro estis jam diversloke kaj diversmaniere kreita. En nia Geneva kongreso, fondiĝis takaj societoj, kiuj celas uzi Esperanton por sia propra utileco aŭ ĝin propagandi ĉe difinitan kategorion de homoj Aliflanke, la sama kongreso elmetis deziresprimon por la kreado de konsuloj kaj informistoj, t. e. de personoj, kiuj en ĉiu loko estus komisiataj por doni helpon kaj informojn al ĉiuj Esperantistoj, kiuj tion petas. Baldaŭ, laŭ laŭdinda stimulo, tiaj personoj ekzistis en pli ol ducent urboj. La kreo de Esperanto-Oficejoj ankaŭ multe akcelis tiun specialan movadon. Sed ne sufiĉas krei organojn, estas necese, unue ke la bezono de ili estu vere sentebla, due, ke tiuj organoj havu difinitan taskon kaj precizan planon de agado ; se ne, ili estas dediĉataj al pli-malpli rapida pereo. En la nomita okazo, estis necese, ke ekzistu difinitaj servoj internaciaj en kiuj partoprenus la konsuloj, ke ilia kompetenco estu difinita, ke la publiko ilin uzanta havu por tio specialan rajton. Por ĉio tio oni bezonas internacian organizajon. Efektive, kiu parolas pri servo, parolas pri ia interŝanĝo, en kiu partoprenas du aŭ pluraj individuaj ; kondiĉoj de interŝanĝo, estas fikseblaj sur akceptebla fundamento nur se la homoj partoprenantaj en ĝi, laŭ leĝa maniero, ilin fiksas, konsekvence nur se ekzistas organizajo, kaj ĉar tiuj servoj, pro tio ke ili uzas Esperanton estas internaciaj, tiu organizajo povas esti nur internacia. Aliparte, se ĉiu konsulo agas laŭ propraj al si reguloj kaj se tiuj reguloj varias de lando al alia, tiu institucio, pro sia komplikeco, estos fakte ne uzebla. Plie, laŭ la deklaro de Bulonjo, estas Esperantisto ĉiu persono kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kiaj celoj — sekve, de la plej honestaj ĝis la plej nehonestaj. Se ĉiu konsulo devas liveri informojn al ĉiuj Esperantistoj, sekve por honestaj kiel por nehonestaj celoj, baldaŭ okazos sennombraj malbonuzoj kaj malkonsentoj. Stariĝas multaj aliaj gravaj demandoj. Kiel pagi la konsulon ? aŭ se oni ne pagas lin, kiel postuli de li servojn ? Se la konsulo rifuzas liveri servojn, al kiu oni povos plendi, kaj kiuj sankcioj ekzistas ? k. t. p. Male, se ekzistas difinita asocio de personoj, uzantaj Esperanton, se, kiel en ĉia organizita korporacio, tiuj personoj per la pago de kotizajo havas la rajton ricevi precizajn servojn, priskribitajn per regularo farita de ili aŭ de iliaj rajtigitoj, se la personojn, kiuj liveras tiujn servojn, estas unuforme pagataj per la produktoj de tiuj kotizajoj, se fine por nature sin gardi kontraŭ neseriozuloj aŭ nehonestuloj, la Asocio rajtas elpeli de si la personojn, aŭ kiuj ne liveris servojn kiel ili promesis, aŭ kiuj malbonuzas ĝiajn servojn, ĉiuj tiuj maloportunajoj nature malaperas, solvitaj tre simple per asociiĝo de homoj havantaj saman celon kaj bezonon. Tio klarigas gravan diferencon ekzistantan inter *Esperantisto* kaj tiu, kiun ni provizore nomos *Esperantiano*. Por uzi komparon, mi diros, ke Esperantisto estas simila al ĉiu persono, kiu scias kaj uzas ekzemple anglan lingvon por kiaj ajn celoj, dum Esperantiano estas komparebla al tiu homo, kiu apartenas al angla nacio, havas difinitajn rajtojn kaj devojn al ĝi, uzas ĝeneralajn servojn organizatajn de liaj rajtigitoj kaj komunajn al liaj samnacianoj. Ni iom longe insistis pri tiuj difinoj, kiuj nun ŝajnas eble superfluaj, sed en baldaŭa tempo estos necesegaj. Mi ankaŭ speciale aludis la temon de la konsuloj, pro tio ke ĝi estas plej bona ekzemplo de la neceseco de difinita internacia organizajo kaj la konsularo estas, por tiel diri, la fundamento de U. E. A.

Sed en multaj aliaj kampoj, ekzistas tre multaj praktikaj aplikajoj de Esperanto, de la ŝajne plej bagatelaj ĝis la plej gravaj, kiuj postulas internacian organizajon. Mi limigos min nur per cito de la plej ĉefaj kaj materialaj.

Vi ĉiuj konscias, ke unu el la plej necesaj aplikajoj de Esperanto estas en la fako turismo. Se nuntempe la vojaĝoj estas facilaj, ili tamen prezentas nekalkuleblajn malhelpojn pro la diverslingveco. Estus plej granda helpo, se en ĉiu loko troviĝus difinita persono, komisiita por doni la bezonatajn informojn al la trapasantoj. Tio estas la speciala tasko de niaj diversaj konsuloj. Necese estas, ke en ĉiu iom grava loko, ekzistu difinita ejo, ĉe kiu la fremdulo povos iri por ricevi, ĉu parole, ĉu per Esperante redaktitaj gvidiloj, la plej urĝajn sciigojn. Utilega estas ankaŭ agado ĉe la hotelistoj, informoficejoj, k. a. Pri tiu temo nenio serioza kaj daŭra estas farebla sen ia grava korporacio, kiu faros la necesajn klopodojn kaj povos liveri certajn garantiojn, en la nomo de tiuj homoj, kiuj uzos la favorojn, kiujn ĝi petas.

Al turismo ankaŭ apartenas la starigo de karavanoj kondukantaj vojaĝantojn de unu regiono al alia. Por ilin organizi kaj en ĉiuj klopodoj necesigitaj por la ricevo de la bezonataj favoroj, komuna organizajo estas absolute necesa, ĉar ĝi povas plenrajte trakti en nomo de difinita kolekto da homoj, kaj, interŝanĝe de la favoraj petitaj, povos ion promesi kaj doni, kaj ju pli vasta kaj diversa estos la agadkampo de tiu Asocio, despli atentindaj estos la profitoj, kiujn ĝi povos liveri kaj despli gravaj konsekvence la profitoj, kiujn ĝiaj anoj povos ricevi. En turisma fako oni ankaŭ povos faciligi, de lando al la alia, la interŝanĝadon de junuloj, kiu havas tiel gravan influon por la plibonigo de la intergentaj rilatoj, kreadi libertempajn koloniojn, kie dum kelka tempo kunvenos diversregionaj Esperantianoj, k. t. p.

La komercistaro ankaŭ plej bezonas lingvon internacian, kaj malgraŭ tio, ĝi ankoraŭ tre malmulte aliĝis al nia afero ; diversaj izolaj klopodoj estis faritaj laŭ tiu direkto, sed ne plene sukcesis. Tute alie fariĝos, kiam ekzistos grava organizajo internacia, kiu samtempe povos entrepreni klopodojn en ĉiuj landoj kaj povos al la komercistaro konigi precizajn kaj nunajn profitojn, eĉ negravajn, sed certajn, kiujn haviĝos al ili Esperanto. Eĉ, en la kampo de instruado, organizajo kiel U. E. A. tre multe helpos. Ĝi ne sin okupos pri la detala organizado de la diversaj Esperanto kursoj, sed penos kunligi ilian agadon kaj ĝin utiligi al tiu farita en aliaj fakoj, kiel komercistoj, hotelistoj, aferistoj, k. t. p. Ĝis nun oni instruis Esperanton al ĉiuj personoj kiuj deziris ĝin lerni ; nun, oni penos instrui ĝin ĉefe al tiuj kiuj pro sia aktiva partopreno en tia aŭ alia fako de la vivo internacia, bezonas Esperanton kaj povos tuj ĝin uzi.

Ekzemplojn mi povus plimultigi en ĉiuspecaj kampoj. Ĉie ni konstatus, ke por la serioza organizo kaj uzado de tiuj peresperantaj servoj, oni bezonas internacian organizajon, kaj ĉar tiuj servoj estas intime ligitaj unuj kun la aliaj, ĉar en la diversaj okazoj de sia vivo, sama homo bezonas pli ol unu el tiuj malsamaj fakoj, estas necese, ke por ĉiuj servoj, kiuj en la realeco estas nur diversaj aspektoj de sama ideo, estu starigata *unu* organizajo, kiu enhavos iom post iom ĉiujn homojn, kiuj bezonas difinitajn servojn kaj konsekvence havas inter si ligilojn de solidareco. Tiu organizajo estas Universala Esper-

anto-Asocio aŭ Esperantio; ĝiajn anojn ni nomos Esperantianoj por ilin diferencigi de nunaj Esperantistoj, kiel supre dirite. Por tiu celo ĝi uzas la lingvon Esperanto tian, kia ĝi rezultas el sia fundamenta verkaro, ne ĉar tiu lingvo estas por ĉiam la plej perfekta, sed ĉar el ĉiuj proponitaj lingvoj internaciaj, la formo nomita Esperanto estas la sola, kiu estas la plej disvastigata, sekve la plej praktika, ĉar ĝi per la uzado sin montris tute taŭga por sia celo, ĉar fine Esperanto naskis tiun specialan movadon socian, nomatan Esperantismo, kies fundamentajn ideojn plene akceptas U. E. A. Konsekvence ĝi ne okupiĝos pri teoriaj lingvaj diskutoj kaj pro tio, ke ĝi nepre bezonas sian lingvon, ĝi al neniu konsentas la rajton trudi al ĝi ŝanĝon de la fundamentaj principoj de tiu lingvo, pro tia aŭ alia kaŭzo.

Tute neŭtrala rilate al demandoj politikaj, socialaj, religiaj aŭ naciecaj, U. E. A. celas esti nur fundamento neŭtrala, sur kiu povos labori ĉiuj homoj, kiuj iel partoprenas en la civilizacio universala, per kiu ili povos reciproke helpadi kaj utiladi al si, per kiu ili plifortikigos la ligilojn de solidareco, kiujn naskos tiu senĉesa interrilatado.

Tiu deklaro estas necesa por klare montri, ke U. E. A. ne estas unuforma organizaĵo trudota al la tuta Esperantistaro-kio cetere estus neebla. Ĝi celas nur la uzadon kaj utiligadon de Esperanto, ĝi turnas sin al ĉiuj homoj, kiuj aprobante ĝian celon, juĝante, ke aliĝo al ĝi utilos al ili, deziras partopreni en ĝiaj laboroj. Oni povas esti bonega Esperantisto, t. e. bone koni kaj uzi nian lingvon, kaj ne esti Esperantiano, same kiel oni nuntempe povas sin diri Esperantisto kaj uzi nian lingvon kontraŭ nia afero...

El la supre dirito, sekvas, ke U. E. A., kiu ne estas propaganda societo, ne povas esti kuniĝo de la nun ekzistantaj propagandaj societoj. Laŭ nia opinio, propagando devas resti loka aŭ regiona afero, ĉar ĝi varias laŭ la lokaj kondiĉoj; ĝin centraligi estus malhelpi ĉian iniciaton, kaj nepra kondiĉo de propagando estas libera iniciato kaj agado de ĉiuj! Male, kiel ni vidis, por internaciaj servoj, internacia organizaĵo estas necesega. Memkompreneble, kvankam U. E. A. ne senpere propagandas Esperanton, ĝi per sia agado multe plifaciligos la taskon de la propagandistoj, montrante ke oni jam nun povas erni Esperanton ne nur por amo al ĝi, sed pro a utileco, kiun ĝi havigas.

Post tiuj iom longaj, sed por la kompreno de la afero necesaj klarigoj, konvenas nun konigi, kio estas la organizo de U. E. A., kion ĝi faris kaj kion ĝi faros. Ni ĝis nun konsideris la teorion; ni nun vidu la enkorpiĝon de tiu teorio.

U. E. A. estis fondita de privata iniciato en monato marto. Ni tiam petis, ke ĉiuj grupoj, kiuj aprobas la celon de U. E. A., bonvolu regule baloti Delegitojn. Multaj favore respondis nian alvokon, kaj, iom poste, ni submetis al la elektitaj Delegitoj projekton de provizora regularo, kiu estis akceptita! Tiun regularon baldaŭ anstataŭos pli plena regularo, laŭ la spertoj faritaj, kaj diskutota dum niaj ĉitieaj kunvenoj. Ni mallonge konigos ĝian esencon: Estas membro de U. E. A., ĉiu persono, kiu pagas la jaran kotizaĵon difinitan per la voĉdono de la Delegitoj, kaj deziras aliĝi. Ĉiu membro ricevas karton kiu donos al li la rajton uzi ĉiujn servojn organizitajn de U. E. A. kaj plendi al la komitato, se li ne ricevis la servojn, kiujn li rajtas. La membroj de sama regiono balotas Delegiton kaj Vicdelegiton, kiuj havas la taskon zorgi en sia loko pri la administraj aferoj de U. E. A. kaj la starigo de ĝiaj servoj. Por ĉi tiu celo li sub sia respondeco elektas la necesajn helpantojn, nomatajn konsuloj aŭ informistoj. Kiel pagon por sia laboro, la Delegito kaj liaj helpantoj ricevas la trionon de la kotizaĵoj de sia regiono. Por ke U. E. A. havu reprezentantojn en kiel eble plej multaj lokoj, eĉ negrandaj, la Delegito elektas Subdelegitojn, kiuj faras al la membroj de U. E. A. la samajn servojn kiel Delegitoj. Fine, la Delegitoj balotas por difinita daŭro komitaton, kiu de nun konsistos el 7 anoj. Ĉiu komitato zorgas pri speciala fako. Ĝis nun ekzistas nur 3 fakoj, sed laŭ la nova regularo, tiu nombro estos altigata ĝis sep per divido de malnovaj kaj kreo de du novaj. La Delegitoj mem ricevas ĉiujn komunikaĵojn de la Komitato, kiujn ili devas respondi tre precize en difinita tempolimo. Por doni plenan eblecon al ĉiuj iniciatoj libere agadi kaj labori por la prosperigo de U. E. A., ĉiu Delegito havas iniciatrajton, kaj, laŭ simpla maniero, povas submetigi propran projekton al la ĝenerala voĉdonado de ĉiuj delegitoj. Tia organizo estas videble tre liberala, kaj en ĝi ĉiu povos libere esprimi kaj triumfigi siajn opiniojn aŭ projektojn per vojo facila kaj leĝa; sur tiu fundamento U. E. A. povos senĉese pligrandigi kaj aldoni al si novajn fakojn kaj novajn servojn tute normale. Por plenigi tiun skizon ni aldonas, ke ĉiuj Delegitoj kaj Subdelegitoj enpresigas en komunan gazeton ĉion, kio koncernas ilian regionon kaj havas internacian karakteron. Kiel sankcioj, ĉiuj Delegitoj aŭ reprezentantoj de U. E. A., kiuj estis kaŭzo de plendo aŭ ne respondis dokumentojn al ili senditajn, estas citataj sur la oficiala organo, kaj post ripeto de tia faro, la membroj de ilia regiono estas petataj baloti anstataŭanton.

Kion jam faris U. E. A.? Ĝi unue devis organiziĝi: fondita oficiale la $1^{an}$ de Majo, kun ĉirkaŭ 60 Delegitoj kaj neniu membro, ĝi ĉiutage plej ĝojiĝe kreskis. Tri monatojn post sia fondo, malgraŭ la malfavora sezono kaj la malhelpoj, kiuj ordinare trafas ĉian novaĵon, ĝi posedas pli ol 200 Delegitojn, 80 Vicdelegitojn, 100 Subdelegitojn kaj 1300 anojn pagintajn la kotizaĵon por ĉi tiu jaro. Tiun kontentigan kaj kuraĝigan rezultaton ni ŝuldas al multaj sindonaj amikoj, konataj aŭ nekonataj, kiuj, kompreninte la utilecon de U. E. A. kaj ĝian signifon por la estonteco de Esperantismo tuj agis por ĝi, kaj ni deziras ĉi tie ilin danki tutkore por ilia necesega kaj fervora laborado.

La unua tasko, kiun trudis al si la fako $2^{a}$ de U. E. A., difinita por Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj, estis la starigo de tiuj institucioj en ĉiuj lokoj, kie ekzistas U. E. A. Delegitoj. La tasko de la diversfakaj konsuloj konsistas en tio, ke ili liveras informojn al ĉiuj Esperantianoj, kiuj tion petas. Esperanto-Oficejo estas ejo, kien oni elcentrigas ĉion, kio koncernas Esperanton en sama loko. En tiu kampo oni jam atingis tre kontentigajn rezultatojn: jam nuntempe en 70 urboj ekzistas tiaj institucioj organizataj tute laŭ la plano liverita de U. E. A.: en multaj aliaj oni laboras por la starigo de tiuj necesaj institucioj. Jam ŝatinda nombro de lokoj posedas Esperante redaktitan gvidilon donotan al la trapasantoj kaj havantan la plej necesajn informojn por helpi lin dum lia restado. De nun, oni povas diri, ke en pli ol 250 lokoj, Esperantiano povos ricevi, ĉu informojn, parolajn aŭ skribajn, ĉu aliajn servojn ĝis nun organizitajn de U. E. A., per niaj Delegitoj kaj Subdelegitoj. Pli plenajn sciiĝojn pri tio la interesato cetere povos legi en la jarlibro eldonata de nia Asocio, kaj dank'al kiu ĉiu Esperantiano povos vojaĝi sen la antaŭaj malfacilaĵoj aŭ sen la timo ĝeni Esperantistojn dum sia haltado ĉe ilia urbo.

Fine, rilate al turismo, la fako $III^{a}$ de U. E. A., en la celo plifaciligi la veturon de Esperantianoj al la $IV^{a}$ Kongreso, organizis kvar karavanojn, kiuj, malgraŭ ke ili estis rapide organizitaj, kuniĝis pli ol 200 partoprenantoj.

Aliparte multaj personoj komencas kompreni ke Esperanto estas mirinda ilo por konigi difinitan regionon al la tuta mondo. Kiel Esperantolingvo rebrilas la apartaĵojn de ĉia nacia lingvo kaj estas kvazaŭ ŝlosilo por penetri en ilin, tiel same Esperanto, kiel interkomunikilo, permesas al ni konatiĝi kun la apartaĵoj de tia aŭ alia regiono, kun la specialaj moroj kaj kutimoj de tia aŭ alia gento. Por tio, U. E. A. kaj ĝiaj Delegitoj instigas al la eldonado de gvidlibroj diskonigantaj ilian regionon laŭ la diversaj vidpunktoj, kiuj faras ĝin interesa. Jam ŝatinda nombro de grupoj eldonis tian libreton, kaj U. E. A. zorgos, ke baldaŭ ĉiu regiono havu tian. Por diskonigi la ekziston de U. E. A., ni per niaj Delegitoj presigis en pli ol 400 ĉiulingvaj naciaj gazetoj saman artikolon, kiu liveris bonajn rezultatojn. Tio estas plua pruvo de la utileco de internacia organizaĵo, kiu rilate al la publiko povos efike agi per la neesperantista gazetaro, kiu plivolonte akceptas precizajn artikolojn kaj informojn, ol longajn diskutojn pri la problemo de lingvo internacia.

Kion nun faros U. E. A.? La programo, kiun mi komence priskribis pri internacia organizaĵo, respondas tiun demandon. Ĝi unue penos konstante pligrandiĝi kaj plivastigi sian kampon de agado. Por ke la servoj estu fruktodonaj, por ke U. E. A. estu potenca, estas necese, ke ĝi estu multenombra. Tial ni entreprenos energian agadon por plimultigi la nombron de niaj Delegitoj kaj membroj. Je tiu okazo, ni alvokas al ĉiuj grupoj, kiuj aprobas nian celon kaj deziras partopreni en nia agado, ke ili bonvolu elekti Delegitojn, ke ĉiuj izolaj Esperantistoj, kiuj deziras laŭeble nin helpi, akceptu la taskon de Subdelegito. Ju pli potenca kaj pli grava estos U. E. A., des pli multenombraj estos la servoj, kiujn povos ricevi ĝiaj membroj kaj despli kreskos la utileco de Esperanto.

Ni ankaŭ plue laboros por la Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj, zorgante, ke en ĉiu loko tiuj institucioj estu organizitaj laŭ unuforma plano kaj povu liveri ĉiujn servojn postuleblajn de ili. Per la Konsuloj la aplikaĵoj praktikaj de Esperanto povas fariĝi sennombraj. Ni kreos specialajn servojn por junuloj, aparte studentoj, por virinoj kaj por maristoj. Oni scias, ke ĉiujara granda nombro de junuloj, apenaŭ elirintaj el la lernejoj, forvojaĝas eksterlanden en la celo lerni la naciajn lingvojn kaj plenumi siajn studojn. Sed kiu povas aserti, ke eĉ post kelkaj jaroj de lernado en gimnazio povos tuj sin komprenigi al la enlanduloj, ĉe kiuj li eklogas, kaj ĉefe ilin kompreni! Kaj kiu ne scias kiom da danĝeroj timas la gepatroj, sendante siajn infanojn en nekonatan landon. Por la membroj de U. E. A., tiuj timoj jam ne ekzistos. Ili rekomendos siajn filojn al niaj Delegito-Konsuloj, konigos al ili siajn dezirojn; kaj la diritaj Delegitoj per la helpo de speciala Konsulo por junuloj zorgos por ke la alvenanto trovu pensionon, prezentos lin al junaj Esperantianoj se sia urbo, kun kiuj li, per Esperanto, tuj povos informiĝi pri la lokaj kutimoj kaj moroj, ricevi konsilojn pri la lernado de la enlanda lingvo, kaj iom post iom alkutimiĝi al ĝia uzo. La Konsulo por junuloj helpos al ili por trovi oficon kaj oni povas antaŭvidi, ke baldaŭ komercistoj, firmestroj kutimos konigi al niaj Delegitojn kiujn oficistojn ili bezonas. En la universitataj urboj la konsulo por junuloj estos prefere studento; li estos plej utila al la Komitato por helpo al fremdaj studentoj, kiu ekzistas en preskaŭ ĉiuj universitataj urboj; li fine povas instigi la fondon de studenta grupo esperantista kaj la kreon de kurso de la enlanda lingvo per Esperanto.

Por sinjorinoj kaj fraŭlinoj, kiuj vojaĝas solaj en fremda lando, ni jam havas kaj penos konstante havi en ĉiu urbo specialan konsulinon, kiu ricevos la vojaĝantinoj, zorgos pri ilia komforto kaj helpos al ili per konsiloj ĉefe se ili deziras trovi oficon. La rolo de tiuj konsulinoj estos simila al tiu de la societoj por protektado de fraŭlinoj, sed multege pli facila pro la lingvo komuna al ĉiuj helpantinoj kaj helpatinoj.

En ĉiuj marhavenoj, ni penos havi specialan Konsulon kiu povos doni ĉiujn necesajn informojn al maristoj kaj marvojaĝantoj. Laŭ la postulo de la bezonoj kaj la plidiversiĝo de la petoj, oni povos ankaŭ kreadi alifakajn konsulojn. Ju pli ni iras antaŭen, des pli ni konvinkiĝas, ke la sistemo de la konsuloj aŭ informistoj estas fonto de multegaj utilaj aplikaĵoj.

En la fako turismo, U. E. A. organizos aŭ organizigos karavanojn, ĉu por festoj kaj kongresoj Esperantistaj, ĉu por okazintaĵoj, havantaj internacian kaj neŭtralan karakteron. Ĝi starigos en pentrindaj lokoj sur la monto aŭ borde de la maro libertempajn koloniojn, kie diversregionaj samideanoj povos kune pasigi sian libertempon, ĝi entute klopodos por ĉiamaniere plifaciligi kaj plioftigi la renkontojn inter siaj membroj. Pri sama temo, ni penos agadi ĉe la hotelistoj, laŭ preciza plano, kaj starigi liston de fidinda Esperanto-hotelaro, same kiel agis la diverslandaj Turingklubaj societoj.

U. E. A. kreos specialan fakon por komerco, industrio kaj dungado. Pli ol ĉiu alia, komerco bezonas komunan centrejo. La fako komerca de U. E. A. estos kvazaŭ internacia komerca ĉambro, kiu per siaj ĉiulokaj konsuloj havas tiom da filioj kaj korespondantoj, kiuj penos utili al la lokaj komercistoj kaj industriistoj, konigi la specialajn produktaĵojn de sia regiono kaj faciligi ilian disvendadon. Servo de dungado estas ankaŭ utilega, kaj U. E. A. organizos tian, por siaj membroj, laŭ la samaj principoj.

En pli malproksima tempo U. E. A. ekzamenos la kreon de speciala Mutualo por siaj membroj, de Esperanto-banko kaj Esperanto-papermono kiel pagilo, kiuj fariĝos nepre necesaj institucioj tuj kiam funkcios niaj diversaj servoj. En alia kampo, ni povos ankaŭ organizi ĉiujaran feston, publikan manifestadon en la honoro de la kreanta ideo de Esperantismo. Propriĝante al ni la parolojn de nia Majstro ĉe la $III^{a}$ kongreso, ni diras:
« Ĉio kio kondukas al rompado de la muroj inter
« la gentoj apartenas al Esperantio; ...ĉion tion ĉi
« ni povos prijuĝi, akcepti aŭ neakcepti, sed ni
« neniam devos ĝin blinde forĵeti antaŭe. ĉar ĉio,
« kio servas al la fratigado de la gentoj kaj al la
« rompo de la malamikaj muroj inter la popoloj
« — se ĝi nur ne enmiksas vin en la internan
« vivon de lagentoj — apartenas al U. E. A. » ĉar, ni aldonas, la celo de U. E. A. estas la kreo de fortika ligilo de solidareco inter ĉiugentaj homoj kaj ilia alproksimiĝo per Esperanto.

Por ĉi tiu vasta tasko ni bezonas la kunlaboron de ĉiuj samideanoj. Ne mankis la laborantoj en nia ĉiam grandiĝanta Esperantujo, sed tro ofte ili dise laboris, unu aparte de la alia. Nuntempe, ekzistas tiu komuna fundamento, sur kiu povos harmonie kaj orde labori ĉiuj bonvoluloj, nome Universala Esperanto-Asocio. — Ni ne tro turnu niajn okulojn al la potencoj eksteraj kvazaŭ de ili povus veni la venko. La venko de Esperantismo ne venos de la mondo ekstera, oficiala aŭ scienca, se ĝi ne unue plene komprenis la esencon de Esperantismo; la venko estos la propra kaj la sola verko de tiuj homoj, kiuj konsciaj pri sia celo sin organizis kaj laboris senĉese kaj sen flankaj diskutoj, por la efektiviĝo de ĉi tiu celo, sekvante la vojon elektitan. Nur per nia propra laboro, ni rompos la graniton de l'mondo.

Samideanoj,

En la daŭro de mia tro longa parolado, mi ofte kaj speciale aludis la praktikan flankon de U.E.A. kaj donis ekzemplojn materialajn, ĉerpitajn el la vivo ĉiutaga, sed ĉu tio signifas, ke ni iel malŝatas aŭ flankelasas la idealan flankon de Esperantismo? Tia tute ne estas kaj ne povas esti nia opinio, se ni estas konsciaj pri nia agado. Ni, male, estas profunde konvinkitaj, ke la materiala flanko de nia entrepreno pli kaj pli certe valoriĝos la idean, grandegan signifon de Esperantismo, de ĝia interna ideo. Ni estas profunde konvinkitaj, ne laŭ puraj impresoj kaj sentoj, sed laŭ faktoj, ke Esperanto ne nur estas sistemo de lingvo plimalpli perfekta, sed, ĉefe kaj super ĉio, *socia* movado. Tion ni sentis de la momento kiam ni iom profunde konatiĝis kun la movado de Esperantismo, tion ni sentis en niaj modestaj, sed impresantaj festoj esperantistaj, tion ni sentis en la momento de la krizo kiam por nin gardi de la delogoj kaj danĝeroj niaj samideanoj vokis en la nomo de la fideleco al Esperanto kaj ĝia interna ideo, tion ni ankoraŭ pli klare sentas meze de niaj ĉiujaraj kongresoj, en la koro de Esperantujo; tion esprimas nia flago, niaj kantoj, nia literaturo. Oni povas aprobi aŭ neaprobi tiun movadon; ĝi ekzistas kaj pli kaj pli sin trudos al nia atento, dum niaj hodiaŭaj lingvaj diskutoj aperos pli kaj pli palaj kaj malgravaj. Esperanto liveras tiun neŭtralan fundamenton, sur kiu ĉiuj homoj, kiuj iel ajn partoprenas en la vivo internacia, ĉu pro ideaj, ĉu pro materialaj celoj, povas facile kaj plenkonsente interkomunikiĝadi. *Esperantio* per la kreo de servoj internaciaj, plifortikigos kaj plirealigos la solidarecon inter diversgentanoj, kaj ĝin konsistigos en la reciproka sinbezonado kaj sinhelpado. Laborante por la iompostioma efektiviĝo de tiuj servoj, plimultigante, plifaciligante, plioftigante la rilatojn inter la homoj, U. E. A. konscias efektive labori por la frateco inter diversgentanoj, ne por tiu frateco, kiu ekzistas nur en vortoj aŭ konfuzaj antaŭsentoj de niaj animoj, sed por tiu frateco, reala, nediskutebla, neŝirebla, kiu rezultas de la reciproka bezono, utilado kaj sinkonado. Tiel same kiel regnanoj de unu sama regno, malgraŭ siaj ĉiuspecaj diferencoj, gustoj, rangoj, opinioj, havas inter si ĉiutagajn nerompeblajn ligilojn, havas ion komunan kiu estas kvazaŭ parto de ilia propra individuo, tiel same ni celas al tio, ke inter homoj diversnaciaj kaj diversgentaj, malgraŭ iliaj malsamaj opinioj, moroj, kutimoj, eĉ malkonsentoj, ekzistu tia sama sento de solidareco, nerompebla ĉar ĝi havos kiel fundamenton la ĉiutagan bezonadon. Al tiu supernacio, ni ĉiuj konscie aŭ nekonscie celados, kaj por la starigo de tiu vastega konstruaĵo, kiu ellaboriĝos en la daŭro de la jaroj venontaj, ni ĉiuj metu nian modestan, sed necesan ŝtonon, kaj baldaŭ, per nia konstanta kaj orda laboro, veriĝos la profetaj paroloj de Zamenhof:

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento,
Unu grandan rondon familian.

## OFICIALA INFORMILO

## Kunvenoj de U. E. A. dum la Dresdena Kongreso

Dum la Dresdena kongreso, okazis tri kunvenoj de U. E. A. kun la plej bona sukceso. Sekvas mallonga raporto pri ĉiu el tiuj kunvenoj.

### Solena malferma kunveno.

Ĝi okazis lundon $17^{an}$ de aŭgusto en la Aŭla de Teknika Lernejo. La ĉambrego estis tute plena. D-ro Zamenof bonvolis honori nian Asocio per sia ĉeesto Je la $4^{a}$, *S-ro H. Bolingbroke Mudie*, prezidanto de U. E. A., malfermas la kunvenon, dankante la ĉeestantojn kaj nian Majstron, kaj dezirante al ili plej koran bonvenon. Li mallonge skizas la historion kaj signifon de U. E. A. kaj esperas, ke de nun ĉiuj Esperantistoj bonvolos kunlabori por la efektiviĝo de nia celo.

*D-ro Zamenhof* kore dankas pro la invito al li farita, kiun li plezure akceptis. En la komenco, pro diversaj kaŭzoj, li sin tenis iom flanke de nia Asocio, sed nun, konstatinte la taskon jam efektiviĝitan kaj konatiĝinte kun ĝiaj fundamentaj principoj, ne povas ekzisti la plej malgranda dubo pri tio, ke U. E. A. estas la plej grava institucio de Esperantismo. Li do instigas ĉiujn Esperantistojn kunlabori por U. E. A. kiu havas antaŭ si grandegan kaj belan taskon. Li finas, dezirante al nia Asocio la plej bonan sukceson. (*Aplaŭdegoj*).

S-ro H. Bolingbroke Mudie kore dankas nian Majstron pro lia varma kuraĝiga aprobo kaj transdonas la parolon al la vicprezidanto de U. E. A.

*S-ro Hodler*, vicprezidanto de U. E. A., poste faras gravan paroladon pri la « *Celo kaj signifo de U. E. A.*. La teksto de tiu parolado, aplaŭde akceptita, troviĝas en tiu N° de nia oficiala organo.

S-ro H. Bolingbroke Mudie, en la nomo de la komitato, proponas al D-ro Zamenhof la honoran prezidon de nia Asocio (*Aplaŭdoj*).

D-ro Zamenhof deklaras, ke nuntempe li kun plezuro kaj danko akceptas la honoran prezidon de U. E. A., kiun li certigas pri sia plena aprobo kaj apogo. (*Aplaŭdegoj*).

La unua malferma kunveno de U. E. A. estas finita je la $6^{a}$.

### Unua labora kunveno.

Merkredon 19 aŭg. (Aŭlo de Teknika Lernejo). Prezido de H. B. Mudie, prezidanto; ĉeestas ĉirkaŭ 150 delegitoj, subdelegitoj kaj membroj.

S-ro *H. Hodler* legis raporton pri fako $1^{a}$ (administrado) de la komenco de nia Asocio. Tiu raporto estis unuanime akceptita.

Poste estis demandata — laŭ la deziresprimo de la Kongreso — ĉu U. E. A. deziras starigi novan fakon por Internacia Instruo kaj Internacia Diplomo por instruado. S-ro *Privat*, je tiu okazo, liveras kelkajn klarigojn pri la de li fondita instituto kaj deklaras ke li volonte kunlaboros kun U. E. A. Post longaj interparoladoj, en kiuj partoprenis S-roj *Dobrzauski* (Kielce), *Essigman* (Polujo), *Szabuniewicz* (Moskvo), *Privat* (Genève), *Stephan* (Rotterdam), *P. Dejean* (Le Creusot), *Vogler* (Hamburg), *Fischer* (Galatz), *Mengelsdorf* (Dresden), *Pazelt* (Aŭstrio), *Tarnow* (Hannover), *W. W. Mann* (London), *Sabadell* (Barcelona), *Marechal* (Anglujo), *Hodler* (Genève), la kunveno, unuanime, ekster du voĉoj, decidis, ke tiu temo estas ekster la celo de U. E. A., pro tio, ke la Asocio ne estas propaganda societo, escepte en tiu maniero, kiu rilatas la pligrandiĝon de la utila valoro, kiun oni ricevas fariĝinte Esperantisto. Tamen, la Asocio kore aprobis la Instituton de S-ro Privat kaj esperis, ke ĝi multe antaŭenpuŝos nian aferon.

La kunveno estas finita je la $6^{a}$.

### Dua labora kunveno.

Vendredon 21 aŭg. (Teknika Lernejo). Prezido de H. B. Mudie, prezidanto. Sekvas la tagordo de la unua kunveno. La protokolo estas akceptito.

⁂ S-ro *Th. Rousseau*, helpkomitatano de fako $II^{a}$, legas la raporton pri la agado de fako $II^{a}$ (Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj). Tiu raporto estas unuanime akceptita

⁂ S-ro *J. Schmid*, komitatano de fako $III^{a}$, legas pri la agado de fako Turismo raporton, kiu estas unuanime akceptita.

⁂ Poste venas la projekto de regularo, kiu estas, laŭĉapitre akceptata, sen diskuto.

Je § $2^{a}$, estas koresponde prezentita de la delegito de Castello'n propono, laŭ kiu « U. E. A. interkonsentu kun D-ro Zamenhof kaj la Centra Oficejo por trakti kun la Delegitaro, kaj atendante uzu ankaŭ la lingvoformon proponitan de la Delegitaro. » La komitato de U. E. A. proponas rifuzi tiun proponon. Post kelkaj rimarkoj de S-ro Haugy (München) kaj Mudie (London), la propono estas unuanime malakceptita kaj § $2^{a}$ restigata en sia ĝisnuna formo.

Post diskuto, ĉe kiu partoprenas S-ro Szabuniewicz (Moskvo), Privat (Genève), § $26^{a}$ rilate al la netuja reelektebleco de la prezidanto kaj vicprezidanto estas konfirmata.

S-ro *Hodler* proponas la aldonon de nova paragrafo pri *Honora komitato*, konsistonta el aŭtoritatuloj, kiuj faris servojn al U. E. A. kaj povus utili kiel konsilantoj. Tiu propono estas akceptita kaj la redakto resendita al la komitato.

Fine, la tuta projekto de regularo estas akceptita de la kunveno.

⁂ S-ro *Hodler* legas la financan raporton pri U. E. A. kaj proponas diversajn rimedojn por plibonigi la financan situacion de la Asocio. La raporto kaj ĝiaj proponoj estas akceptitaj. — S-ro Privat deklaras, ke li fordonos al U. E. A. la duonon de la profito de la paroladoj, kiujn li de nun faros. (*Aplaŭdoj*).

Je la demando pri la kotizaĵo de la venonta jaro, S-ro *Szabuniewicz* proponas, ke ĝi estu altigata ĝis 1 Sm. S-ro *Mengeldorf* (Dresden), *Rockmann* (Magdeburg) kontraŭstaras kaj petas, ke oni lasu la kotizaĵon malaltan. S-ro *Privat* proponas, ke oni ĝin altigu ĝis 1/2 Sm. S-ro *Hodler* opinias, ke la kotizaĵo devas resti ne alta. Li proponas, ke por $1909^{a}$, ĝi estu *36 Sd.* La aliaj proponoj estas forprenataj kaj la kunveno decidas proponi kotizaĵon da *36 Sd.* por la venonta jaro.

⁂ La kreado de du novaj fakoj, nome por *Komerco, Industrio & Dungado*, kaj por *Junuloj* estas unuanime akceptita, post diversaj rimarkoj.

La prezidanto deziras feliĉan revenon al la ĉeestantoj, esperas, ke ili fervore laboros por U. E. A. dum la proksima jaro, kaj deklaras finita la $1^{an}$ kunsidon de U. E. A.

⁂

### Fako $3^{a}$. — Turismo.

Malgraŭ la mallonga tempo de la fondo de nia Asocio la Fako $III^{a}$ jam havis gravan laboron. Por la Dresdena kongreso ĝi preparis arajn vojaĝojn, kio pro manko de sufiĉe da tempo estis iom malfacila. Ĉiu aliĝinto al niaj vojaĝoj havis siajn apartajn dezirojn, kaj tial jam la fiksiĝo de la vojoj renkontis multe da malhelpaĵoj. La disiĝo de la karavananoj okazigis penan kaj longan korespondadon kun la multnombraj kunvojaĝontoj. Tamen, kaj malgraŭ ĉiuj malhelpaĵoj, la entrepreno kontentige sukcesis. Niaj delegitoj en la trapasotaj urboj bone kaj fervore laboris por akiri favorprezojn ĉe la hotelistoj. Alveninte en iu urbo ni tuj trovis kondukantojn kaj neniel perdis tempon; ĉambroj kaj manĝaĵoj estis bonaj kaj por la karavanoj restis sufiĉe da tempo por viziti la ĉefajn vidindaĵojn.

Entute ni devas esti kontentaj pri la sukceso de niaj unuaj klopodoj. Al la diversaj delegitoj, kiuj helpis niajn vojaĝojn, ni ĉi tie esprimas la plej sinceran dankon.

Nia fako de nun ankaŭ havas la taskon fondi Esperantujojn, ĉar la speciala komitato, fondita por tiu celo ĉe la Kembriĝa kongreso, al ni transdonis ĉi tiun aferon. Ni do klopodos starigi tiajn restejojn en la diversaj landoj kaj ĉe la marbordoj. Jam la lastan printempon la unua internacia Esperantujo fondiĝis en Svislando sub la nomo Internacia Esperanta Paradizo. Ni rapor-

tis ĝiatempe pri tiu fondo en « ESPERANTO » kaj diversaj naciaj gazetoj.

Por kiel eble plej faciligi la vojaĝojn de la Esperantistaro dum la tuta jaro ni provos interrilatiĝi kun Touring-Club kaj aliaj societoj, kiuj jam ĝuas favorprezojn ĉe la hotelistoj kaj fervojoj. Tiamaniere ni esperas gajni iom post iom la samajn favorojn.

Dum la vintro ni forsendos cirkuleron al niaj delegitoj pri tiu ĉi afero kaj atendas ke ili bonvolu helpi niajn klopodojn laŭ sia povo.

J. SCHMID.

***

Pro manko de loko, ni estas devigataj prokrasti la kutiman rubrikon : « Informoj de la U. E. A. Delegitoj » ĝis la proksima N° kaj la ceteron de la « Oficiala Informilo ».

## AL NIAJ LEGANTOJ

**La proksima N° de « Esperanto » aperos la 1an de Oktobro. De tiam, la gazeto reaperos kiel antaŭe la 1an kaj 15an de la monato.**

**Tiu N° estos vendata 15 CENTIMOJN (6 Sd.).**

## ANONCETOJ

TARIFO

*Korespondado.* — Ĉiu enskribiĝo kostas 30 spesdekojn (fr. 0.75 ; 7 d. ; m. 0.60). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. La literoj P I. montras la korespondadon per poŝtkartoj ilustritaj ; la litero L. montras korespondadon per leteroj ; la literoj P M. montras interŝanĝon de poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage sian nomon unufoje.

*Petoj kaj proponoj.*— Ĉiu linio (40 literoj) kostas 10 spesdekojn ( fr. 0.25 ; 2 1/2 d. ; m. 0.20). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

***

### Korespondado

*Paris* (Francujo). — S-ro Edouard H. Liorard, 10, rue Ménilmontant. PI.

*Goldfield* (Nevada - U. E. A.). — S-ro J. A. Mac Kinnon, Postbox 1371. PI.

*Trans p. Pleine-Fougères* (Ille & Villaine - Francujo). — S-ro Boulmer, PI. ; S-ro Couapel, PI. PM.

*Brno* (Moravio-Aŭstrio). — S-ro Fišnar Carlos, Lazaretská ul. 8a.

*Fourquevaux* (Hte-Garonne - Francujo).— S-ro J. L. Tesseyre, PI. L. (kolektas aforismojn).

*Montargis* (Francujo).— S-ro Desbrosses, profesoro. PI. PM. (kun fremduloj).

*Barcelona - Gracia* (Hispanujo). — S-ro M. Fernández, kompostisto, Estrella 35-2°. PI. L.

*Toronto-S-D.* (Usono). — S-ro D. E. Parrish. PI. PM. (kaj gazetoj).

*Mendon* (Mass. Usono). — S-ro Ed. Wheeler, Box 24. PI.

*Riorges* (Loire-Francujo).— S-ro L. Maillet. PI.

*Bilbao* (Hispanujo). — S-ro A. Rodriguez, stud. Str. Estufa, 6. PI. PM.

*Ratingen* (Germanujo). — S-ro M. Schneiders, 2, Wallstr. PI. L.

*Zgierz* (Piotrk. gab. Polujo). - S-o J. Knapski. PI.

*Huy* (Belgujo). - S-o A. Brabant, rue Griange. PI.

*Verdun-s-M.* (Francujo). — S-ro R. Marchal, 6, rue Beaurepaire PI. L.

*Guingamp* (Francujo).— S-ro L. de Bellaing. PI. (nur militistajoj).

*Paris* (Francujo). — S-ro M. Autié, 34, rue du Commerce. PI. (kun ne francoj).

*St-Etienne* (Francujo). — S-ro D. Monteremard, 40, rue Michelet. PI.

*Debreczen* (Hungarujo). — S-ro Ladányi, rue Miklós, 25. PI. L.

### Petoj & proponoj

**Poŝtmarkistoj.** — D. E. Parrish, Toronto, s. D. (Usono) interŝanĝas laŭ mankolisto ĉiuspecajn p. markojn. Sendu 25 malsamajn por ricevi ne oftajn usonajn poŝtmarkojn.

**Aferistoj.** — Profitigaj mondeponoj kontraŭ unuagradaj garantiaĵoj estas perataj de *Hjalmar Bäckström*, Stockholm, c. *Telegrafadreŝo : Esperanto.*

**Samideanejoj.** — Parizo : *ĉiujaŭdon vespere*, kafejo A. Béranger, 180, rue du Temple ; *ĉiumardon vespere*, « Popola Bibliotekejo », 78, rue de Flandre.

**Poŝtoficistoj.** — Poŝtasistanto Dynowki, Markushof (Wesfalio - Germanujo), dez. korespondi kun negermanaj poŝtoficistoj.

**Poŝtmarkoj.** — Kontraŭ 50, 100, 200 diversaj poŝtmarkoj de via lando aŭ aliaj, mi sendas tuj la saman nombron en danaj kaj aliaj markoj. Bonvolu skribi kion vi preferas. *V. Raith, Roskilde, Danmark.* Referenco : Dana Esp.-Oficejo, Kopenhago

**Crava peto.** — La administracio de *Esperanto* kaj fako 1a de U. E. A. tre bezonas Esperantistajn helpantojn, kiuj konsentus bonvole kunlabori por ĝi kelkajn horojn ĉiusemajne pri difinita tasko.

*** Fremdaj Esperantistoj, speciale junuloj kiuj sufiĉe korekte skribus nian lingvo kaj interŝanĝe de tri-aŭ kvarhora taga kunlaboro esperantista — utilega por nia afero — dezirus praktike ellerni la *francan* lingvon en *Genevo* (Svisujo) estas petataj skribi al nia administracio. Por ĉiuj proponoj, petoj por informoj, pri kondiĉoj de vivado en Genevo k. t. p skribu Esperante al : *Esperanto*, 8. rue Bovy-Lysberg, *Genevo* (Svisujo).

**Ofico** *(Delegitoj de U.E. A atentu !).* — Juna Esperantisto Rumana, dudekjara, de supera komerca lernejo de Bukareŝto, kiu paroletas kaj skribas la francan kaj germanan lingvon, rapide maŝinskribas kaj germane stenografias, deziregas por tuj aŭ por estonte trovi oficon en oficejo, komercejo aŭ fabrikkontoro en ia lando (Aŭstrujo, Germanujo aŭ Svisujo) por sin perfektigi en germana lingvo. Nenia pretendo pri la salajro. Skribu al S-ro Haimoviĉi, 80 Str. Lipokani, *Bukarest* (Rumanujo).

**Grafologio** karakterprijuĝo laŭ manskribo.
**Fizionomio** » » portreto.
**Frenologio** » » kranio.
**Astrologio** » kaj antaŭdiro
pri estonteco laŭ dato (horo) kaj loko de naskiĝo.
Simpla priskribo, 1 Sm. ; detala priskribo, 5 Sm.
*Prof. S. J. De Vries*, psikologiisto, *Amsterdam* (Holando), Korsjespoorstr. 17.

**Esperanto en la servo de la Dia regno.** — Monata gazeto por kristanaj unuiĝoj. Ĉiu vera kristana Esperantisto bonvole mendu tiun ĉi gazeton : Paul Hübner, Mulheim-a/-Rhein (Germanujo). Jara abono : 50 Sd. — Oni postulu specimenon.

**Amikejo.** (Neŭtra Moresneto). — Charles Schwierer, oficejo por riprezentado loka de ĉiuspecaj komercajoj kun esperanta nomajo kaj esperanta librejo.

**Kuraciloj, Drogoj, Ĥemiajoj.** — Farmacisto, en Parizo, delegito-konsulo de U. E. A. sin proponas por reprezenti nefrancajn firmojn, kiel deponeja agento. Adr. C. Rousseau, 4, pl. de la République, Levallois-Perret (Seine), Francujo.

### Komercaj reklamoj

**Reklamo.** — S-ro C.-A.-G. Browne, reklamagento, 53-54, Wych-Street, London, W. C. (Anglujo), deziras korespondi kun Esperantistoj pri anoncado en britaj, koloniaj kaj fremdaj jurnaloj.

**Silkaj Esperantaj flagetoj.** — Taŭgegaj varbiloj kaj propagandiloj, uzeblaj por ornamado de Esp. festsalonoj. Amplekso : 11/16 cent. Prezo : 12 Sd. unu. Speciala rabato al la grupoj kaj Esp.-Oficejoj por mendo de 50 ekz. Haveblaj ĉe S-ro B. Peyraud, 41, rue de la Loire, St-Etienne (Francujo).

**Vinoj.** — *Vinoj ruĝaj, blankaj kaj maljunaj*, nepre naturaj kaj altgradaj (10 ĝis 18°). Sin turni al S-ro. Andreu Fourques (Pyr. O.) France.

## LIBRELDONEJO " ESPERANTO "

*Moskva (Rusujo)*

*Valovaja ul... dom Serpuhovskogo mon.*, kv. 5. sciigas al la rusaj esperantistoj pri sia fondiĝo.

Ĝi jam eldonis :

| | |
|---|---|
| N° 1. — L. T. Titov — Esperanto en deir lecionoj . . . . . . . . | 30 kop. |
| N° 2. — L. T. Titov — Vortaro esp-eranta-rusa . . . . . . . | 75 kop. |
| Propagandaj postkartoj kus teksto . . | 2 kop. |
| Propagandaj kovertoj, kun teksto . . | 1 kop. |
| Poŝtmarkoj kun porteto de D-ro L. Zamenhof . . . . . . . . | 3 kop. |
| Portretoj de D-ro L. Zamenhof. . . | 25 kop. |

### ĴUS APERIS :

## OFICIALA JARLIBRO

de

## Universala Esperanto-Asocio

*(1a Eldono)*

Plenaj informoj pri U. E. A. kaj ĝiaj servoj.
Plena adresaro de la Delegitoj, Subdelegitoj, Vicdelegitoj, Oficejoj de U. E. A. ĝis la 1a de Aŭg.

**Prezo : 16 Sd. (1 ekz.) ; 1,50 Sm. (10 ekz.)**

### Oficiala Insigno de U. E. A.

Verda stelo kun bela blanka emajla trancrando kaj literoj U. E. A. — Speciale rondainsigno por Delegitoj.

**Prezoj :** 1 insigno **30 Sd.** ; 10 insignoj **2,50 Sm.**
1 insigno por Delegito **40 Sd.**

***

*Ĉiuj Esperantianoj nepre devas posedi sian jarlibron kun sia insigno.*

Oni mendu ilin : **8, Rue Bovy-Lysberg, Genève** (Svisujo), aŭ per niaj **Delegitoj** kaj **Subdelegitoj.**



FELIETONO DE " ESPERANTO " 5

# LA PATRINO

de **Ernst ZAHN**

(trad. J. Ŝmid, Bern).

Georg ridas. Estas la sama rido kiel antaŭe. Kaj li apogas la kubutojn sur la genuoj, klinas forte antaŭen la kapon kaj de malsupre rigardas la patron per mokaj okuloj ; lia konduto montras volitan malestimon. Balbine akre lin rigardadas. Ĉiam li ne facile estis edukebla, ofte li estis senpripensa, sed neniam tiel kontraŭema kiel nun. En Ameriko li povis akiri tiun ĉi manieron.

La konduto de Georg detruas la ekvilibron de l'patro. Li levas la dekstran, brunan manon kaj minacante movigas ĝin antaŭ la okuloj de l'filo. « Tiamaniere ni ne parolu inter ni, bubo! Aŭ vi iru tien, de kie vi venis, aŭ vi kondutu ĉi tie kiel ordema homo ! »

« Forprenu vian manon ĉi tie, patro », murmuras la junulo. La sango ŝveligas lian kolon ; lia voĉo estas minacanta.

« Vi do ne kredas, vi, vi, ke via patro devas timi je vi », balbutas la patro kaj ŝajnas pli ekscitita. Li estas mortpala, lia longa, dupinta barbo tremadas. Ankoraŭ ĉiam li movigas la manon.

Georg forbatas tiun ĉi flanken, kaj Tobias freneziĝas. « Vi, vi, » li ekkrias kaj levas la manojn. Li havas ne alian senton, ol ke li devas puni la filon, kiel li punis lin en juneco, kiam li meritis tion. Sed subite Georg ekstaras kaj ekprenas lin. La sola ekpreno sufiĉas por montri kiu estas pli forta. Tobias do ne estus rimarkinta ĝin, liaj fortaj brakoj streĉas por batalo ; sed Balbino vidis ke la filo povas venki la patron kaj lin jeti teren per du aŭ tri batoj. Neniu el ili scias, kiel estiĝis ke subite ŝi staras inter ili. « Malprenu unu la alian, vi », ŝi diras per malmola kvazaŭ fajfanta voĉo. Sed ambaŭ komprenis, kaj ŝajnas kvazaŭ ŝi batis ĉiun per martelo al la frunto. Antaŭen kliniĝantaj, ankoraŭ malpacvolaj, sed jam kiel ektimigitaj pro tio, kio okazis, ili staradas.

« Dum vi vivadas », diras Balbino, « oni ne rakontu en la vilaĝo, ke oni bategas sin reciproke en nia domo kiel faras la senvaloruloj. » Poste ŝi prenas la patron ĉe ambaŭ maldikaj ŝultroj kaj ŝovas lin flanken. Ŝi ne bezonas grandan forton por konduki lin en la najbaran ĉambron. Vole li iras klinante la kapon antaŭen. Georg povas aŭdi, kiel li ekbruligas kandelon apude kaj peze sidiĝas sur seĝon. Kiam Balbino revenas, la filo jus estas ekprenanta sian ĉapelon kaj volas foriri. Ŝi fermas post si la pordon de l'apuda ĉambro kaj diras : « Oni devas ankoraŭ priparoli ion, mi kredas ». Eble ŝi faris signon per la mano postulante ke li sidiĝu ĉe la tablon, eble Georg nevole faras, kion ŝi atendas. « Parolu mallonge », li diras sidiĝante.

Tra la vasta stubo la patrino malrapide alproksimiĝas. Ŝi rigardas lin akre. Li ne scias, kiel li ŝentas tian malagrablajon pro ŝia rigardo.

« Vi ne bezonis veni hejmen », ŝi diras per peza voĉo.

« Pro diablo, lasu al mi mian vojon kaj zorgu pri la via », insultas la junulo. « Mi ne plu estas infano kaj scias kion mi faras ! »

Ĉiam Balbino lin rigardadas, ĉiam ; ŝi ekzamenas ĉiun trajton en lia vizaĝo kaj divenas tutan historion el ĝi. Estas alia vizaĝo ol oni havas en tiu ĉi lando. Soifo je diversaj vivĝojoj kuŝas en ĝi, io, kio ne harmonias kun la simpleco kaj honoreco de l'domo kaj valo, io...

Ŝi ne moviĝas, sed io ploregas en ŝi. En la koro ŝi amas sian filon, pri kiu ŝi sentas ke li pli kaj pli perdiĝas por ŝi. Vin mi ne volas lasi, ne perdi vin! Sed ĉio tio estas nur interna. Korpe ŝi restas trankvila, submetinte la manojn sub la antaŭtuko. Nur ŝia voĉo iomete tremetas kiam ŝi daŭrigas : « Vi ne estas tia, kia vi devas ! Vi ne plaĉas al mi, knabo! Malbone agas kiu ne plu volas labori. »

« Ho, ĉesu prediki ! » insultas Georg. « Oni povas opinii ke mi estas fari malbonon ! » Li ekstaras kaj alproksimiĝas al la pordo, sed li do pli respektas ŝin ol la patron kaj ree sin turnas kiam ŝi plue parolas.

« Por alporti al ni honton vi ne devis veni kaj ne devas restadi », Balbino diras. « Foriru do, en Ameriko vi povos agi laŭvole. »

« Mi iros kiam plaĉos al mi », li fierrespondas ; kvazaŭ pro obstineco li per piedo puŝas seĝon flanken, kiu tute ne malhelpas lin, kaj eliras tra la pordo.

Balbino sekvas lin, nedecidite, ĉu ŝi volas paroli, ĉu revoki lin, ĉiam la manojn sub la antaŭtuko, la longan korpon iom antaŭen klinanta, tiamaniere ke ŝia sintenado pruvas kvazaŭ spionecon. Georg malproksimiĝas, sen rigardi posten, tra la ĝardeno, tra la strato, kontraŭ la vilaĝon. Li levetas la ŝultrojn kvazaŭ li volus forpelus la admonojn, kiuj falis sur lin.

La okuloj de Balbino akompanas lin, rigardante post liajn moviĝojn, ĝis li malaperas. Ĉiujn manojn sub la antaŭtuko, ŝi staradas tiel. Ĉiam pli grandas, tio kreskas en ŝi, kio antaŭ kelkaj minutoj movis ŝian koron : Vi, mia knabo, mi ne volas perdi vin, mia vi estas ! Forte kreskas en ŝi tiu ĉi sento de l'rajto je ŝia filo kaj finas en alia sento : Strange do estus, se mi ne sukcesus obeigi vin, vin, mia filo ! Mi ja ankaŭ volas iom vidi, kiam vi volas iĝi malbona !

Nenia muro estas tiel dika, ke ĝi ne tralasas la ĉikanon. Kiu el la Andermattdomo perfidis, oni malfacile povus diri, sed en Steg oni tamen scias, ke Tobias kaj Balbino en nepaco vivas kun la hejmenveninta filo. Kompreneble! diras la Steganoj. Kiel povus vivi en paco la bonkora homoj kun tia bubo ! Kiel la priparolo pri la malpaco estis elirinte el la domo, tiel la alia priparolo revenis en la domon. Jam en Ameriko li estus vivinta malbone, tiu Georg! Ĉiujn virinojn li atakis ! Neniel lin estimis liaj kameradoj. Kaj tio devas esti vera ; ĉar estas evidenta kiel la aliaj Amerikanoj evitas lin depost la tago, kiam ili alvenis en Steg kaj Georg al ili pagis la alventrinkajon en la « Rössli » kaj kiel ankaŭ Georg ne plu ĉagrenas pri ili.

La ĉikano unufoje komencinta en Steg plue prosperas, kaj la vilaĝanoj havas akrajn okulojn, ili ĉirkaŭprenas la mantelon de morala indigno. Jen oni parolas pri tiu, jen pri tiu ĉi fraŭlino, je kiu Georg amumas. Precipe pri juna vidvino ili ĉikanas, kiu havas trinkejon kaj estas frenezeta je la junulo. Tiu ĉi scias delogi la virinojn, ili aldiras. Kelkajn tagojn poste oni rakontas en la vilaĝo : Nun li ligiĝis kun la malriĉa Aschwanden Terezo, la junega knabino, tiu Georg Andermatt ! Scias la ĉielo, de kio li premos la orfinon, la malbonulo! *(Daŭrigota).*

Pres. Ch. Zœllner, Genève